DIREKTORO :
Hector HODLER

ABONO
La abonoj komenciĝas de kiu ajn dato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo.
8, rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO
Hector HODLER

REKLAMO
1 paĝo. . . . 160 S (400 fr.)
1 kolono. . . 32 » ( 80 fr.)
1/2 » . . . 16 » ( 40 fr.)
1/4 » . . . 8 » ( 20 fr.)
1/8 » . . . 4 » ( 10 fr.)
1/16 » . . . 2 » ( 5 fr,)

Ĝeneralaj Agentoj ; Presejo Devichi, *Chalon-s-Saône* (Francujo) ; G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; C.-A,-G. Browne, 51, Wych Str., *London;* W. C. ; Kœtz, Rathausstr.. *Leipzig*.

# U. E. A.
kaj
# KOMERCO

De la fondo de la Komerc-Industria fako ni ricevis diversajn imformpetojn rilate al la agado de tiu nova necesega fako, Respondoj al tiuj demandoj estas dissemataj en diversspecaj eldonaĵoj de U. E. A. kaj por faciligi la laboron de niaj amikoj kaj kunlaborantoj, ni permesas al ni resumi la laborojn plenumitajn de ĉi tiu fako kaj la utilecon, kiun ĝi prezentas al tiuj, kiuj ĝin uzos.

Ĝi unue starigis en kiel eble plej multe da lokoj konsulojn por Komerco & Industrio, t. c., plej ofte, komercistojn, kiuj havas la taskon respondi la informpetojn pri Komerco & Industrio, kiujn sendos al ili la membroj de nia Asocio. Tiuj konsuloj jam ekzistas en 130 lokoj ; en la aliaj la Delegito aŭ Subdelgito mem klopodos provizore pri tiu tasko. Sekve, unua ŝatinda rezultato : el jam pli ol 500 lokoj dissemataj en ĉiuj regionoj de l' mondo iu ajn komercisto, se li nur estas membro de U. E. A., povos ricevi, en la ordinaraj kondiĉoj, ĉiujn informojn, kiuj estos necesaj al li por lia profesio. Cetere, tion ĉi jam spertis kelkaj el ili kun la plej granda profito.

Tiujn servojn povas ricevi ĉiuj simplaj membroj, sed ekzistas aliaj, kiuj estas speciale difinitaj por firmoj, korporacioj, kontoroj, agentejoj, komerc-industriaj entreprenoj, kiuj aliĝos al U. E. A. kiel Esperantiaj Entreprenoj, laŭ la kondiĉoj montritaj en la lasta artikolo de « Esperanto (2 S jare).

Unu el la plej gravaj kaj diskonigindaj servoj de l' komerca fako al la Esperantiaj Entreprenoj estas dediĉita al reklamo kaj disdonado de reklamiloj. En ĉiuj gravaj lokoj la reprezentantoj de U. E. A. firme promesis disdoni al la Esperantistoj de sia urbo ĉiujn prospektojn, reklamilojn, katalogojn, prezarojn, kiujn ili ricevos, kondiĉe ke ili estu redaktitaj en Esperanto kaj senditaj de firmo aliĝinta al U. E. A. kiel Esperantia entrepreno. Oni tuj komprenos kian profiton ricevos de nun, el vidpunkto de reklamo, tiuj komercistoj, kiuj deziras konigi eksterlanden siajn produktaĵojn Ili bezonos nur tradukigi Esperanten siajn reklamilojn, ilin sendi al la reklama subfako de U. E. A., kiu prenas sur sin la dissendadon kaj disdonigadon, kun la minimumo de poŝtaj elspezoj, pro tio ke pluraj reklamiloj estas sendeblaj kune, Ne nur simplajn reklamilojn povos disdonigi la reklama subfako de U. E. A., sed ankaŭ gvidlibrojn por konigi la vidindaĵojn de regiono, broŝurojn, k, c. Ĝi estas kiel reklama poŝtoservo tiom pli grava, ke ĝi estas internacia kaj ke dank'al la disvastiĝo de U. E. A. ĝi povas trafi lokojn, kiuj alimaniere estus tre malfacile atingeblaj.

La komercaj konsuloj povas ankaŭ tre utili kiel peruloj. Supozu ke komercisto, fabrikestro, industriisto, deziras enmetigi reklamojn aŭ petojn en lokajn gazetojn de tiu aŭ alia regiono. Li por tio bezonos nur sin turni al la Delegito de tiu regiono, kiu enmetigos la reklamojn aŭ petojn en la gazetojn de sia loko. Rilate al dungado, la Delegitoj per la komercaj konsuloj povos esti tre utilaj : se iu deziras dungi oficiston en iu loko, li turnu sin al la delegito de tiu loko. kiu ĉu sin turnante al la dungoficejo de sia urbo, ĉu per la specialaj gazetoj redaktitaj por tiu celo, konigos la peton al la interesatoj. Tiuj servoj mem estas senpagaj ; nur la elspezoj, kiujn ili necesigos kiel preso de anoncoj en lokaj gazetoj, k. a. estos pagataj de la petinto, kaj por faciligi tiujn pagojn kaj monĝirojn de lando al alia ni klopodos trovi oportunan rimedon.

Ni jam diris, ke niaj Delegitoj per siaj konsuloj estas pretaj respondi la komercajn informpetojn pri sia loko, sed tre ofte firmo, industria entrepreno, kontoro, societo, k. t. p. bezonas fari enketon ĉu internacian ĉu plurnacian pri iu difinita temo. Tio ĉi estos facila se ĝi estas Esperantia entrepreno ; por tio sufiĉos klare redaktita cirkulero kun marko por la respondo, ĝis oni trovos pli bonan pagmanieron. Por internaciaj enketoj — nia epoko tre ŝatas enketojn — U. E. A. liveras tute pretan materialon ; oni ĝin uzu. Fine dank'al kontrakto kun la Internacia Jurista Societo, ĉiu Esperantia entrepreno povas senpage peti informojn pri tio aŭ alia ĝeneralinteresa demando de nacia aŭ internacia juro. U. E. A. ankaŭ, celas, en la estonteco, kolekti leĝojn, administraciajn ordonojn, k. t. p. pri ĉiu landaj impostoj, limdepagoj, komerca kaj industria juro, defendo de patentoj, modeloj, k. t. p Komercisto, kiu rilatas kun eksterlando, konstante bezonas tiuspecajn informojn : kiam li ekscios, ke per U. E. A. li povos ilin facile ricevi estas nenia dubo, ke li tre ŝatos tiun servon, kiu evitos al li multe da senutilaj klopodoj.

Alia subfako de U. E. A. estis dediĉita al : Ekspozicioj. Ĉiuj konsuloj konigu al nia subfako tiujn manifestaciojn kiuj okazos en ilia urbo kaj detalojn pri ili. Nia komerca fako proponos al ili siajn servojn por ilin diskonigi per la reklama subfako (kiel por la ĵus malfermita Bologna ekspozicio) ; ĝi penos trovi reprezentanton ĉe tiu ekspozicio por liveri ĉiujn necesajn informojn al niaj membroj kaj entreprenoj. Kiam ĝi povos proponi ion valoran interŝanĝe, U. E. A., pli malfrue, certe atingos, ke Esperanto estu alprenata kiel unu el la ekspoziciaj lingvoj, sed antaŭe estas necese, ke ni pruvu nian ekziston.

Jen la jam starigitaj servoj de la komerca fako, kreita nur antaŭ kelke da monatoj. Oni facile povu trovi kaj krei aliajn, sed estas necese iri ne tro rapide, singardeme kaj certe. Ni rimarkigu, ke niaj konsuloj ne atendu ĝis ili ricevos informpetojn ; ili mem alcentrigu, al nia fako ĉiujn informojn pri komercaj okazantaĵoj, pri statistiko, pri kondiĉoj de laboro, k. a. Por tiu celo ni organizis konkurson, malfermis specialan rubrikon en nia gazeto kaj difinis, ke ĉiusemestre la konsulo sendu raporton pri la supraj demandoj en sia loko. Tiamaniere la komerca fako de nia asocio fariĝos grava institucio internacia kaj ni konigos nin al la komercistaro kaj per tio ĝin varbos al Esperanto pli facile, ol se ni parolas nur pri tiu lasta.

Sed por ke tiuj diversaj servoj vivu, estas necesege, ke ĉiuj, ĉu Delegitoj, ĉu Konsuloj, ĉu simplaj membroj, ilin diskonigu en sian lokon, per gazetartikoj precipe en komercaj, laboraj aŭ industriaj revuoj, per paroladoj, ĉefe ĉe la komercistaj rondoj, komercaj ĉambroj, k. a., per vizitoj al la interesatoj, k. a. Ni ne postulas, ke nun grava komercisto aŭ industriisto lernu mem Esperanton ; ni nur proponas niajn servojn por provo; lia firmo aliĝu kiel Esperantia entrepreno kaj sufiĉas, se unu el liaj oficistoj lernas nian lingvon, por uzi la komercajn servojn de U. E. A. Tuj kiam en iu loko kelkaj komercistoj estos interesataj, ili povos fondi specialan komercistan grupon, kiu mem propagandos ĉe komercistojn lokajn, instigos, ke ili uzu U. E. A. por konigi siajn produktaĵojn kaj la komercon de sia regiono. Ni opinias, ke kiam tiuj multaj utilaj servoj estos konataj kaj uzataj, grava paŝo antaŭen estos farita kaj ni povos konfide rigardi la estontecon.

D-ro M. Kandt.

# SOCIA VIVO

## JURO

### Politikaj rajtoj en Dobrogea.

La ĉefa nuntempa okazantaĵo en Rumanujo estas la akordigo de la politikaj rajtoj al la loĝantoj de Constanta kaj Tulcea departementoj, tiel nomataj Dobrogea, kiuj ĝis nun de 1877 ne havis la rajton elekti deputitojn kaj ĝui ĉiujn rajtojn kiel la aliaj loĝantoj de trans Danubo. Tiu akordigo de la politikaj rajtoj al la Dobrogea-anoj estas jam malnova afero, kiun la politikaj partioj ekspluatis ĉiam, kiam ili estis prenontaj la regnestrecon sed, preninte, ili forgesis ĝin. Nun tio ĉi ne plu povis okazi kaj pro multaj instigoj, intermetiĝoj, en la deputitĉambroj oni metis leĝan projekton, per kiu la Dobrogea estas regata tiel same kiel la cetero de la lando.

Jen la ĉefaj partoj de la leĝo : 1. Oni akordas la politikajn rajtojn al ĉiuj loĝantoj de Dobrogea laŭ la subaj apartigoj ; 2. Ĉiu el la du departementoj elektos po 2 deputitoj por la 1ª kolegio kaj po 1 por la 2ª kaj 3ª. La elektrajton havos ĉiuj otomanaj loĝantoj, kiuj loĝis en Dobrogea je 24 Aprilo 1877 kaj la rumanoj. La aliaj detaloj estas samaj kiel por la tuta lando, t. e. la voĉdono estas sekreta, estas 3 kolegioj por deputitoj, 2 por senatanoj, ĉiuj havantaj 21 jarojn rajtas voĉdoni se pagas almenaŭ 10 S. kiel jaran imposton aŭ se finis la unuagradan instruadon.

La loĝantaro de Dobrogea kalkulos super 300,000 homoj, dum en 1877 kiam oni aneksis ĝin al Rumanujo havis nur 157,000. La Rumanoj superas ĉiujn aliajn naciojn, bulgarojn, turkojn, rusojn, k. c. ĉar ili formas la plimulton 163,000 homoj. La laborata tero estas 525,758 hektaroj, kiu rikoltigas 6,512,977 hektolitrojn. Dum la lastaj jaroj Dobrogea multe prosperis. La marhaveno Constantu por kiu oni elspezis dekojn da milionoj da frankoj konkuras aliajn grandajn marhavenojn rusajn. Estas en tiu ĉi marhaveno ujoj por petrolo, kiuj kapablas enteni milojn da vagonoj de petrolo ; la rodon povas eniri plej grandaj vaporŝipoj, k. t. p. Granda ponto interligas Dobrogea kun la cetero de la lando. Multaj minejoj estas ekspluatataj, minejoj, kiuj liveras plej bonan ŝtonon, kiun oni eksportas ankaŭ alilanden.

J. Giuglea (Bukareŝto).

# KOMERCO & INDUSTRIO

### Pri la nombro de la transatlantikaj pasaĝeroj al New-York en la jaro 1908.

La amerika agento Wm. C. Morre en Ellis Island ĵus aperigis la konatan jaran tabelon pri la nombro de la transatlantikaj pasaĝeroj transportitaj de la diversaj vaporŝipaj asocioj al New-York. Pro la grava ekonomia krizo en la jaro 1908, la nombro de la pasaĝeroj, kompreneble, estas tre malpli multa ol en la jaro 1907, kiu havas, rilate al la nombro de la pasaĝeroj, la rekordon. Dum, en la jaro 1907, albordiĝis en New-York 1,287,617 pasaĝeroj, la nombro en la jaro 1908 estis nur 511,633. Alvenis al New-York :

| *Pasaĝeroj en la* | Iª kl. | IIª kl. | interferdeko |
|---|---|---|---|
| 1907 : | 94.961 | 156.470 | 1.036.186 |
| 1908 : | 84.403 | 117.251 | 309.979 |
| 1908, malpli : | 10.558 | 39.219 | 726.207 |

La 1,287,617 pasaĝeroj, albordiĝintaj en la jaro 1907 en New-York, estas transportitaj en 1182 vojaĝoj, t. e. en unu vojaĝo ĉirkaŭe 1090. Sed, en la jaro 1908, la nombro de la vojaĝoj al New-York plimalmultiĝis ĝis 1049, tiel ke, ĉe nombro da 511,633 pasaĝeroj, estas transportitaj nur ĉirkaŭe 490 pasaĝeroj en ĉiu vojaĝo. El la vaporŝipaj asocioj, kiuj partoprenis en la nordatlantika transporto al New-York, estas la ĉefaj la ambaŭ grandaj germanaj transatlantikaj linioj, la nordgemana Lloyd en Bremeno kaj la Hamburgo-Ameriko Linio en Hamburgo. Laŭ la nombro de la transportitaj pasaĝeroj rezultas la jena vico :

| | Iª kl. | IIª kl. | Interderdeko : | Ĉiuj kune : | Nombro de la vojaĝoj |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. Norddeutscher Lloyd | 14255 | 18738 | 38755 | 71748 | 99 |
| 2. Hamburg-Amerika-Linie | 11644 | 14030 | 38555 | 64229 | 77 |
| 3. Cunard-S. S. Co | 12861 | 17649 | 32406 | 62916 | 80 |
| 4. White Star Line | 14283 | 15901 | 24024 | 54208 | 94 |
| 5. French-Line | 4543 | 8081 | 23929 | 36553 | 69 |
| 6. Red Star Line | 2561 | 6522 | 22018 | 31101 | 53 |
| 7. Holland-Amerika-Line | 4096 | 7021 | 11505 | 22622 | 42 |
| 8. Anchor Line | 2017 | 9249 | 8589 | 19855 | 46 |
| 9. American-Line | 3601 | 5526 | 7153 | 16280 | 49 |
| 10. Scandinavian-Am.-Line | 1015 | 2750 | 9329 | 13094 | 28 |
| 11. Russ.-Amerikan-Linie | 20 | 338 | 6197 | 6555 | 17 |
| 12. Russ. Volunteer Flotte | ωο | 127 | 3556 | 3683 | 8 |
| 13. Atlantic Transport Line | 3278 | 5 | 186 | 3469 | 43 |
| 14. New-York & Cont. Line | 3 | 20 | 318 | 341 | 7 |

Kiel tiu ĉi tabelo montras, la Nordgermana Llyod faris entute 99 vojaĝojn, sed la Hamburgo-Ameriko-Linio nur 77. Ŝajnas frapante, ke la Hamburga asocio, kvankam ĝi faris 22 vojaĝojn malpli ol la Nordgermana Lloyd, tamen havis, kontraŭ la Lloyd, proporcie multajn pasaĝerojn. Tiu ĉi fakto klariĝas unue per tio, ke en la sciigita nombro de la vojaĝoj de la Lloyd estas kunkalkutitaj ankaŭ tiuj ŝipoj, kiuj trans New-York forveturis al Baltimore, sekve albordiĝis nur parton de ĝiaj pasaĝeroj en New-York, due per tio, ke la Nordgermana Lloyd de la printempo ĝi preskaŭ la lasta parto de la aŭtuno, semajne veturigis siajn rapidajn ŝipojn, kiuj havas proporcie nur malmultan volumenon kaj ne povas esti komparataj je la grandaj ŝipoj de la Hamburgo-Ameriko-Linio aranĝitaj por la masa transporto de pasaĝeroj kaj objektoj.

Ankaŭ rilate al la transporto el la landoj de la mediterana maro al New-York, la Nordgermana Lloyd superas ĉiujn aliajn asociojn, kies vico, laŭ la nombro de la pasaĝeroj transportitaj, estas la jena :

| | Iª kl. | IIª kl. | Interferdeko : | Ĉiuj kune : | Nombro de la vojaĝoj |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. Norddeutscher Lloyd | 2624 | 4138 | 8536 | 15298 | 30 |
| 2. Navigazione Generale Italiana | 452 | 416 | 9315 | 10185 | 18 |
| 3. White Star-Line | 1193 | 1244 | 4814 | 7257 | 13 |
| 4. Fabre Line | 378 | — | 6455 | 6833 | 32 |
| 5. Lloyd Italiano | 224 | — | 5906 | 6130 | 13 |
| 6. Lloyd Sabauda | 490 | 562 | 4898 | 5952 | 13 |
| 7. La Veloce | 738 | — | 5049 | 5787 | 13 |
| 8. Hamburg-Amerika-Linie | 514 | 886 | 3891 | 5291 | 12 |
| 9. Sicula Americana | 286 | — | 3879 | 4165 | 16 |
| 10. Italia Societa Di Navigazione a Vapore | 312 | — | 3076 | 3388 | 8 |
| 11. Anchor Line | 58 | — | 2751 | 2809 | 16 |
| 12. Campania Transatlantika | 370 | 472 | 667 | 1509 | 12 |
| 13. Pribce Line | 49 | — | 443 | 492 | 3 |

Plue, precipe de la Adriatika maro, la transporto al New-York estas plenumata de la jenaj asocioj :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. Cunard Line (Fiume) | 877 | 1648 | 13908 | 16431 | 27 |
| 2. Austro Americana (Triest) | 357 | 1634 | 7094 | 9085 | 32 |
| 3. Empreza Insulane de Navegaco | 91 | — | 508 | 591 | 3 |
| 4. Diversaj | 1213 | 294 | 2269 | 3776 | 76 |

Sekve, en la pasinta jaro, la Nordgermana Lloyd havis, en la ambaŭ kajutoj kaj interferdeko, la plej multajn pasaĝerojn al New-York (ĉe la transporto trans la Nordatlantika oceano kaj el la landoj de la mediterana maro). Se oni kunkalkulas la pasaĝerojn al Baltimore kaj Galveston, la nombro de ĉiuj pasaĝeroj transportitaj de la Nordgermana Lloyd plimultiĝas ĝis 99,821 (87,046 9814 2961). En la dua loko staras « Cunard Line » pro 79347, en la tria la « Hamburg-Amerika-Linie » pro 69520, en la kvara la « White-Star-Line » pro 61449 pasaĝeroj.

M. K.

# GEOGRAFIO

### La Sveda esploristo Sven Hedin

Oni diras, ke la Svedoj ĝenerale estas maltrankvilaj kaj emaj por aventuro. Kiel ajn estas kun tio, certe estas ke ili ĝenerale havas fortan sopiron vojaĝi al fremdaj landoj. Kaj multaj svedoj trovis sian feliĉon kaj ricevis famon nomon ekster limoj de Svedujo.

Malmultaj inter la svedoj estas tiel konataj en la civilizita mondo kiel Sven Hedin, kiu nun hejmvenis de sia vojaĝo en Tibeto. Li jam antaŭe vojaĝis en la sama lando — mi kredas du fojojn — sed la lasta vojaĝo kredeble estis pli interesa kaj pli aventura, ol ĉiuj aliaj. Longan tempon dum lia vojaĝo oni ricevis de li nek leteron nek ian ajn informon kaj oni preskaŭ timis ke li estis pereinta.

Sed li venkis kontraŭ ĉiuj malhelpoj kaj revenis feliĉe. En Stokholm oni ricevis lin grandioze. Oni aranĝis grandan festenon al lia honoro; de kiam. Otto Nordenskiold estis reveninta hejme, kiu per sia boato « Wega » ĉirkaŭvojaĝis la tutan teron, neniu estis tiel honorata kiel Sven Hedin.

Dum du monatoj Sven Hedin estis en Japanujo antaŭ ol li vojaĝis hejmen. Tie li estis invitita al multaj festenoj kaj la japanoj ĉiel honoris lin. Li tie ricevis grandan amason da donacoj ĉiaspecaj. Ofte li estis vestita en japana vesto.

En Tibeto Sven Hedin trovis montaron antaŭe malkonatan, kaj devenon de du grandaj riveroj. Por sia eltrovo kaj laboro en Tibeto li eldonos verkon, la unua eldono en sveda kaj germana lingvo samtempe. Post sia reveno li parolis en kelkaj urboj, London, Paris, Berlin kaj aliaj. En London li — krom aliaj — faris paroladon ĉe kunveno de la Sveda Asocio.

Hedin estas lerta parolanto, kaj konas la modernajn lingvojn bone. En Berlin, kie li parolis antaŭ la Geografia Asocio, li faris sian paroladon sen preparo kaj kredeble ne ĝin skribinte antaŭe en lingvo kiu, li diris, estas iom simila al la germana, sed kiu malgraŭ kelkaj lingveraroj estis tre interesa kaj plezura. La geaŭskultantaro ofte dum la parolado estis devigata ekridi. Prezidanto de la Geografia Asocio donis al li Humboldt-medalon, kiun nur tri esploristoj antaŭe ricevis nome Pschevolsky, Murrag kaj Nansen. Post la parolado Hedin estis vokata al la imperiestro, de kiu li antaŭe dum la tago ricevis medalon por arto kaj scienco.

W. Hj. — G. (Goteborg).

### La ekonomia stato de Rumanujo.

Estas unu jaro de kiam la komerca traktato kun Aŭstrio-Hungarujo estas renovigota. Dum tiu tempo rumana kaj aŭstria komisioj interparolas, interrenkontiĝis sen ia ajn rezulto ; la ĉefa malfacilaĵo konsistas el la aŭstriaj terkulturistoj kiuj neniel volis eĉ iom akordi al la rumana agrikultura eksportado ; la industrio aŭstria postulis la plej favorajn kondiĉojn de disvendado en Rumanujo.

Sed por Rumanujo ĉefa prizorgo en ĉiu ajn komerca traktato estas la terkulturaj produktaĵoj, kiuj devas esti defendataj ĉar tio estas la ĉefa produktaĵo de la lando. 405,411,035 fr. da terkulturaj produktaĵoj oni eksportis por 491,923,745 fr. la tuto de l'eksporto en 1906 ; oni povas facile kompreni, kion signifas por nia lando tiu traktato kiu malhelpus la eksportadon de ili.

La interrilatiĝoj daŭris ĝis nuna monato, kiam ĉu pro eksteraj politikaj kaŭzoj, ĉu pro minaco de parto de la Rumanujo, kiu anoncis ke denoncos la malnovan traktaton, la aŭstriaj delegitoj cedis pri la postuloj de rumanaj delegitoj, akceptante la eksportadon en Austrio-Hungarujo'n de la rumanaj terkulturaj produktaĵoj kaj bestaro, kiu cetere ĝis nun tute estis malpermesita.

La budĝeto por 1909,a kalkulas 435 milionojn da fr. kun plialtiĝo da 24 milionoj. La financa ministrejo havas 182,445,263 fr., plialtiĝo ; 5,600,016 fr. ; publikaj laboroj ministrejo : 78 milionoj, plialtiĝo : 4,405,949 fr. milita ministrejo : 56,178,668 fr., plialtiĝo : 2 milionoj ; publika instruado ministrejo : 40,642,216 fr., plialtiĝo : 1,935,966 fr. Al tiu ĉi ministrejo oni aldonis 1,184,011 fr. por la unuagrada instruado.

⁂

La metia instruado liveras nuntempe iom da priokupo en la industriaj rondoj. La industrio senĉese progresadas, la fabrikoj plinombriĝas, la maŝinoj perfektiĝas sed por kontentigi la postulojn de moderna industrio ni ne havas sufiĉe bonajn laboristojn. Estas ĉiam necese venigi laboristojn fremdajn, kiuj ne ĉiam estas bonaj, kaj kostas pli kare ol la enlandaj. Cetere estas necese formi ankaŭ en la lando armeon da laboristoj bonaj, instruataj, kiuj vere malkarigu la produktaĵojn.

Tiucele ĝis nun treege malmulte estas farita, kelkaj metiaj lernejoj, kiuj liveras pli da oficistoj ol laboristoj kaj laboristoj, kiuj ne ĉiam povas labori en laborejoj, fabrikoj pro malmulta teknika instruado. Tial nun la industria ministrejo komencis enketon, pri laboroj por trovi la bonan rimedon ĉesigi tiun ĉi malbonan situacion.

Oni intencas fondi lernejojn kun vesperaj kursoj por diversaj metioj kaj en diversaj partoj de la urboj industriaj ; monhelpojn por bonaj laboristoj, kiuj iros eksterlanden, studi la novajn labormetodojn, certigon de la rajtoj de la laboristoj pri pago dum malsano, metiaj akcidentoj, maljuniĝo, k. t. p.

Sed por plenumi tion planon, oni devas multe kontraŭbatali la mastrojn, fabrikantojn, kiuj ne volas helpi la regnestraron tiucele.

J. Giuglea (Bukareŝto).

# AERVETURADO

### Novaj eksperimentoj

En Svisujo fondiĝis Nacia Aerveturа Ligo, kiu kalkulas sekciojn en diversaj urboj. Ĝi konstruigos aerŝipon, laŭ la plano de inĝ. Liwenthal, helpinto de grafo Zeppelin, kaj helpos al la fabriko de flugmaŝino por kiu multaj planoj estis prezentitaj.

J. L.

## NUNTEMPAĴO

# TRA KALABRIO

I

Unu el niaj samasocianoj, farmaciisto ĉe la milita Hospitalo, bonvolis sendi al ni tiun tre vivantan kaj interesan raporton pri tio, kion li vidis dum sia dejorado en la malfeliĉaj regionoj de Kalabrio, frapitaj de la tertremo.

***

Multaj al niaj Esperantistaj amikoj petis kaj petas de mi informajn kaj notindaĵojn pri la terura tertremo okazinta en Italujo la 28 decembro de la lasta jaro. Ne povinte kontentigi ĉiujn, pro manko de tempo, mi pensis skribi detalan raporton pri tio, kion mi vidis kaj faris dum mia restado en Kalabrio, kun la espero esti agrabla al la scivolemuloj. Se, anstataŭe, mi enuigis ilin, ili amike pardonu min...

Mi forlasis mian normalan restadejon la 30 decembro noktomeze kaj alvenis Napolon je la 15ª horo (1) por reforlasi ĝin je la 19ª horo kaj veturi al Kalabrio, ĝis kie la vagonaro povis atingi. En Napolo, dum mia mallonga restado, mi povis ĉeesti la alvenon de la veturilaro de la forkurintoj kaj vunditoj. Kia ŝiranta sceno! Envolvitajn en litotukoj makulitaj de sango kaj puso, kaŝitajn en litokovriloj kaj ŝaloj, oni vidis mizerajn homajn korpojn preterpasi sur portiloj, subtenitajn ĉe l'brakoj per studentoj, trenitajn sur radportiloj al la diversaj societoj de ruĝa kruco. La malĝoja veturilaro pasis inter la kompatemo de la publiko kaj estis silente kondukita al la diversaj hospitaloj kaj improvizitaj lokoj de medicinistoj. El la ĉifonoj kaj el la diversaj kovriloj oni povis vidi vizaĝojn palajn kaj konsumitajn, buŝojn kurbigitajn per la spasmo de la doloro, okulojn, jen malfermitajn je malĝojegiga esprimo, jen duonfermitajn pro hontemo kaj rezigniĝo, jen vitrajn pro alproksimiĝo al la spasmoj agoniaj. En la strato Toledo vundito kun la kapo fendita, de kiu eliris cerbaĵo estis aŭtomobile transportita; flanke lin subtenis du studentoj, anoj de la « Cordas-fratres » kaj kuracisto per banita lintuko malsekigis liajn lipojn, samtempe pulpis lian pulson kaj aŭskultis la korfrapadojn; Subite, la kuracisto senespere levis la brakojn. ĉio estis finita: la malfeliĉulo ĉesis suferi sub miaj okuloj. En magazeno, kien mi eniris por aĉeti komercaĵojn, komizo ankoraŭ teruriĝita, rakontis: « Mi estis ironta al la ripozo, kaj sur la strato mi renkontis vunditon, kiun oni portis al la hospitalo de la Pilgrimantoj. Dum li pasis antaŭ mi la malfeliĉulo vomis sangon kaj ekspiris ». Kuniginte al la vortoj la tradician sudan mimikon, li aldonis tute malĝoja: « Ĉu mi post tio povis manĝi miajn makaroniojn? »

De la sepa de la 30ª de decembro mi vojaĝis ĝis la dek-oka horo de la sekvanta tago. Dum la vojaĝo kaj precipe apud Paola elĉeniĝis uragano de vento kaj pluvo, tiel ke ĉiumomente ŝajnis, kvazaŭ la vagonaro forportiĝos el la relvojo. En la stacidomo de Paola, malsupreniринte de la vagonaro por preni kafon, mi estis surprizita de ekventego tiel fortika, ke sen la helpo de fervojisto, mi estus frapiĝinta kontraŭ la muroj de la stacidomo. Alveninte Palmi, lastan stacidomon de la Kalabria marbordo ĝis kiu oni povis veturi vagonare, miaj kunmilitantoj kaj mi malsupreniris kaj oni ekserĉis la komandanton de l'zono por ricevi ordonojn, nenion manĝinte de la antaŭa tago pro manko de oportuneco. Maldensa kaj insista pluvo kaj la tero malseka kaj kota tenas freŝaj la ekstremaĵojn. De la stacidomo de Palmi ĝis la urbo la distanco estas tri kilometrojn, suprenire; tial, dume, oni povas admiri la panoramon kaj la belan tagon. Trairinte la unuajn stratojn de l'urbo, oni povas jam konstati la efikojn de la tertremo. Domoj tute renversitaj, aliaj kun la solaj muroj eksteraj, aliaj kun la kapoj de angulo disigitaj el la resto de la fabrikejo, aliaj kun la muroj inklinitaj je 15-20 centimetroj, aliaj kun parietoj boritaj, aliaj kun simplaj fendetaĵoj je l'interno. La stratoj estas obstrukciitaj per rubaĵoj kaj rompaĵoj, kiuj kun la falinta akvo, formas miksaĵon, en kiu ĉiupaŝe la ŝuo minacas engluiĝi. La monumento de Garibaldi prezentas tiun strangaĵon, ke la fundamento turnis dekstre, la piedestalo maldekstre kaj la statuo denove dekstre.

Post longa pilgrimo oni fine alvenas ĉe la komandanto de la sekcio, kie oni komunikas al ni, ke devigite morgaŭ foririgi provan vapormaŝinon ĝis Baguara, oni ankoraŭ alligos vagonaron por konduki nin kaj nian materialon. Kaj post tio ni devas cedi la lokon al aliaj, kiuj venas al la komandanto por ordonoj aŭ helpoj, kaj ne malmultaj estas la atendantoj. Manĝi kaj dormi jen nekonitaĵo ne tute indiferenta kaj ne facile solvota. En la urbo ne ekzistas ombro de komerca vivo, neniu vendejo malfermita, neniu kolportisto, sed nur popolo de vunditoj kaj sen domuloj kun venas ĉirkaŭ ni kaj petas helpon, kaj pli varmege kaj insistege panon, panon. Dume, noktiĝis kaj anstataŭ la ordinara publika lumigo malboniĝita, oni ekfajrigos torĉojn de la diversservaj soldatoj, kio aldonas ankoraŭ pli rimarkindan tonon al la malfeliĉeco de la situacio. Kiel hundoj skurĝitaj, ni banitaj, rigidigitaj, ĉiupaŝe glitante, malflosante ĝis la maleolo en la koto, reiras al la stacidomo kun la ideo, kie en nia vagono ke estas nia materialo kaj pakaĵo, ni povus pasigi la nokton, almenaŭ en rifuĝejo. Pro kaŭzoj de manovro, la vagono estis delokigita; ni turnas nin dekstre kaj maldekstre, antaŭe kaj malantaŭe, maltrankvile demandas tiun ĉi aŭ tiun individuon kun ĉapeto de fervojisto; oni ne sukcesas nin informi. Lacaj, malsatigitaj, duone malkuraĝigitaj, ni rifuĝas en la solan atendejon de la stacidomo duone ruiniĝinta, kaj tie ĉi, je la kruda lumo de peco de vakskandelo, kiun posedis unu el ni pli antaŭzorga ol la aliaj, ni elŝeligas militan panon kaj skatolon de konservita viando, kaj trinkas plengorĝon de akvo el la fonto de l' fervojo. En tiu salono ni dume ŝajnis ĉeesti reprezentadon de kinematografo. Komitatoj, bonfarantaj societoj, krucoj de ĉiuj koloroj de l' ĉielarko, « cordae fratres » kun ĉapetoj plej diversaj kaj spartoj kostumoj plej malsamaj (ĉiuj bravegaj personoj alvenintaj kun grandanima kuraĝo por la helpo de la frapitaj fratoj) moviĝas, transiras, parolas, krias, bruegas serĉante manĝaĵojn, dormolokojn, torĉojn por transporti medicinaĵojn al la malfeliĉuloj. Sed kiel estas facile imagi, la milita komisiito, alveninta nur de dudek-kvar horoj, ne povas aŭskulti tiom da petoj. plenumi tiom da postuloj. La protestoj estas senfinaj, la paroladoj diversegaj kaj kontraŭdiraj, ĉio faras inferan bruegadon. Dume, mia dekstra najbaro, kiun mi havas la plezuron, koni, ĵetas akran krion kaj renversiĝas sur min. Sekvas momento de kvieteco, ĉiuj trankviliĝas preskaŭ kontentaj. Ĝi estas nur epilepsia atako. Satiginte la malsaton, post du noktoj pasigitaj vojaĝe, komencas enpenetri nin potenca ripozbezono, kaj lasinte al iliaj diskutoj studentojn kaj komitatojn, ni denove serĉas ian ajn anguleton, kiu konsentas al ni donaci dormeton; ni deziras, demandas; fine ĉefma novristo kun vizaĝo malpura, sed kun koro sentema, montras al ni vagonon, kiu restos en la stacidomo dum la nokto, kaj kien li ankaŭ iros. Ho! fine! kun la konvinko, ke la mondo ne estas ĉiam malbela kiel unuarigarde, mi ekdormas. Por nokta fino kaj jarkomenco, ĝi ne estas multe, sed oni povas nomi nin feliĉaj.

Mi sonĝis, ke mi estas en Pekingo, sur la Kettlera strato, kaj admiras la arkon tie ĉi starigitan de l'ĥina registaro kiel kompensaĵon de la barbara mortigo de la germana konsulo Kettler, kiam iu malafabla malfermis la pordeton, kolerete ekkriis: « Je Napolopretaj-forveturo », kaj subite min vekis. Miaj kunuloj kaj mi ribelas momente. Pro kaŭzoj de servo la vagono devis forlasi la stacidomon kaj tial ni je la dua nokte estas denove en movado. Feliĉe, blovetas norda vento; estas iom malvarme, sed ne pluvas kaj la tero malfluidiĝis. Malpli malbone! Sur pajlaj pakegoj deponitaj proksime de la reloj ni preterpasas kelkajn horojn, sed la malvarmo nin poste elpelas kaj devigas moviĝi. Fine, tagiĝas! Vagonaro eniras en la stacidomon. La vagono kun nia materialo estas kune. Sen hezito ni supreniras kaj kiel Napoleono inter siaj kavaliroj ni sentas nin kuraĝigitaj. Ni forlasis Palmi je la dua kaj post du horoj por trairi 15 kilometrojn alvenis (Bagnara).

Dum niaj helpantoj eltiras la materialon el la vagono ni serĉas lokon taŭgan por loĝigi nian hospitalon. vesperiĝas. Ni nur kunigis la materialon kie stariĝos la hospitalo, plantis la tendon por kuraci. Ni kuŝiĝas sub la tendo, volvitaj en niaj kapotoj, kaj esperas post tri noktoj tute perditaj 'gustumi iom da ripozo, kvankam la lito estas malmola. Ĉirkaŭ noktomeze, okcidenta vento grade pligrandiĝanta ĝis vivegeco agitas kaj skuas la tendon, minacas rompi la ŝnurojn, eltiri la palisetojn, movetadas kaj disrompas la plankojn. La vento pligrandiĝas, ŝnuro rompiĝas, la tendo malfortikiĝas kaj post mallonga rezisto falas sur nin, sen domaĝaj konsekvencoj, krom la impreso pri falinta domo. Longa ridego akceptas la aventuron kaj post mallonga konsiliĝo oni decidas, ke neniu sin movu. Frumatene, ni vekiĝas kaj per kombinita manovro eliras el la tendo. La nokta vento produktis ne malestimindan freŝecon, forkuris ĉiuj nuboj, la tago estas klara kaj kvieta. Mallonga konsiliĝo pri la dispono de la tendarkampo, kaj alviaj lokoj... Tiu starigas palisojn, tiu ordigas la materialon, tiu replenigas pajlmatracojn, tiu malvolvas litotukojn kaj kusenegojn, tiu glatigas la teron, tiu hakas arbon, tiu loĝigas la kuirejon. Tagmeze, la hospitalo estas fondita kaj oni povas ricevi kaj ekkuraci la vunditojn. Vespere, agrabla ofero promesas al ni tason da buljono. Kiel al ama kunveno ni rapidas, je l' fiksita horo, por atingi la grandaniman donacinton sed ho! humana sorto, kio ne gardas al ni? El malmute da buljono tre salita kun iu grajno de rizo, kun odoro de l'akvo en kiu oni lavas la telerojn, kun kulero por ok personoj, konsistas la tuta festeno, kaj tamen ĉio estis englutita kiel nefacile estos neniam gustumitaj la plej bongustaj manĝaĵoj. La tendarkampo estas loĝigita inter arbaro de citronoj, iom malproksime de la stacidomo inter intermonto kaj la maro.

La vivo sub la tendaro dum pluvas! Kiam pluvegas kaj ekstere siblas la vento, en la kvieteco de niaj domoj, en la prospereco de la hejma vivo, ni pensas kelkafoje pri ili, kiuj estas sen tegmento, pri ili, kiuj vojaĝas mare, pri ili, kiuj por ta necesaĵoj de la vivo estas devigitaj resti en la stratoj kaj ni frostotremas je l' penso, ke ni povas troviĝi en samaj kondiĉoj, kaj ni forgesas niajn mizerojn, kaj ni sentas nin pli sindonemaj al la domo kaj malpli egoistaj. En tiuj regionoj la malvarmo ne estas granda, sed la ventoj estas fortega kaj la pluvego falante senĉese nin pensigas al tegmento, tegmento sub kiu oni povus sin ŝirmi de l'ventegoj, de la pluvo kaj de la malsekeco, tegmento sub kiu oni povus dormi sen la konstanta inkubo de tertremaj skuoj, sen la timo pri formado de kanaloj, kiuj alvenos bani la modestan kuŝejon, pri defluiloj degutetado neatendita, kiuj dumnokte vin subite starigos kaj konsumas vian paciencon. La penso, ke tiu ĉi stato estas komuna kun miloj kaj miloj de individuoj inter kiuj maljunuloj, virinoj, infanoj, malsanuloj, estas vere terura kaj pligrandigas la malĝojegon de la situacio.

A. Muzzioli (Perugia)

(*Daŭrigota.*)

(1) En Italujo la horoj de l'tagnokto estas numerataj de 1 ĝis 24.

## TRA LA MONDO

*Sub tiu titolo ni ĉiunumere aŭ ĉiudunumere priskribos la diversajn vidindajn regionojn de l'terglobo, ilustrante tiujn priskribojn per bildoj. Ni esperas, ke niaj legantoj ŝatos tiun novaĵon.*

# DAVOS (Svislando)



Vojaĝamantoj ĉiulandaj, kiuj deziras vidi la belan Svislandon dum somero, nepre forgesu viziti Davos'on, unu el la plej allogantaj lokoj en la grisona montaro facile atingebla fervoje. Forlasinte la centron aŭ orienton de Svislando ĉarmaj vidaĵoj prezentas sin al la vojaĝantoj dum la veturado en la Rhein'a valo, tamen de Klosters al Davos akre suprenirante pli kaj pli



majesta aspekto ekvekas la miron de naturamanto, ĉar oni jam sin trovas en la montaro preterpasante alterne arbaron tra kiu fluetas riveretoj, montajn deklivojn kvazaŭ florriĉaj ĝardenoj; apud kaj sur la ŝtonegoj kreskas alpaj rozoj (Alpenrosen) diversspecaj saksifragoj kaj multe da aliaj ŝatataj alpfloroj, — la aero estas malvarmetado; gelibertempuloj certe ĝuus pasigi kelke da tempo en ĉi tiu interesa kaj saniga regiono.

Davos, plej taŭga loko por turistoj, estas sidejo de alpa klubo kun sportaj montaraj gvidistoj ĉiam pretaj por helpi fremdulo[j] iliaj turistaj entreprenoj. Sur la supron [de] montoj « Schiahorn » kaj « Schwarzhorn » la ĉirkaŭaĵo de Davos kondukas senda[n] vojeto. Inter la pli malproksimaj kaj pli montoj, speciale elektitaj de spertaj tu[ristoj] por ekskursoj, oni povas citi jenajn; Silv[retta] Vereina, Kesch kaj Aela, mezvoje sur ili estas konstrasta alpdometo, apartena la alpa klubo, enhavanta ĉiun plej ne[cesan] komforton; manĝaĵojn, trinkaĵojn, dorm[ejon] tamen kun tre primitivaj litoj el paj[lo sur] la planko; en vintro la dometo sur « He[...] estas ankaŭ vizitata kaj profitata de ski[s]tistoj.

Vizitantoj kiuj post restado en Davos de[ziras] daŭrigi sian vojaĝon Engadin'on vetu[ras] Wiesen-Alveneu de kie la fervojo ansta[taŭas] la multjarajn servojn de la poŝto kaj ve[...] de post Julio de Davos al Filisur-Alv[eneu]. Prenante la montaran vojon «Flŭela» al [...] per poŝto oni atingas en pli malmulte da [tempo] la malsupran Engadin'on. Ambaŭ vojoj [estas] rekomendindaj.

En Davos ekzistas multe da hoteloj kun [kom]forto kaj higieno modernaj en la Hotelo R[...] kaj pluraj magazenoj oni parolas espe[ranton].

F-ino E. Herzog,
Delegitino de U. E. A.



FELIETONO DE « ESPERANTO » 3

## RAKONTO

PRI

# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### II. Al ekzekuto per pendigo.

(*Daŭrigo*)

Sergejon Golovin la juĝistoj kompatis, ŝin ili malamis. Ankaŭ ne movetiĝante, en iele aroganta pozo, metinte la manojn inter la genuoj, sidis ŝia najbaro nekonata, laŭ alnomo Verner. Se oni povas ŝlosi la vizaĝon, kiel fortikan pordon, la nekonato ŝlosis sian vizaĝon, kiel feran pordon kaj pendigis sur ĝi feran seruron. Li senmove rigardis malsupren la tabulan malpuran plankon, kaj oni ne povis kompreni: ĉu li estas kvieta aŭ agitiĝas senfine, ĉu li pensas pri io aŭ aŭskultas, kion la spionoj atestas antaŭ la juĝantaro. Li ne estis altkreska; li havis delikatajn kaj noblajn trajtojn. Lia delikateco kaj beleco memorigis lunan nokton ie en la sudo, sur bordo de l' maro, kie estas cipresoj kun iliaj nigraj ombroj: sed samtempe li inspiradis senton de grandega trankvila forto, nevenkebla firmeco, kaj de malvarma aroganta kuraĝo. La ĝentileco, mem per kiu li respondadis mallonge kaj precize, ŝajnis danĝera en lia buŝo, en lia duonriverenco; kaj se la arestodoma superveste sur la aliaj ŝajnis ia sensenca ridindaĵo, sur li oni ĝin tute ne rimarkis — tiel estis la vestaĵo maikonvena por li. Kaj kvankam ĉe la aliaj teruristoj oni trovis bombojn kaj inferajn maŝinojn kaj ĉe Verner nur nigran revolveron, tamen la juĝistoj konsideris lin ĉefo kaj rilatis al li kun ia respekto, mallonge kaj afermaniere.

La sekvanta post li, Vasilij Kaŝirin, prezentis sole plenan neelporteblan teruron al morto kaj tian saman superfortan deziron kaŝi tiun ĉi teruron kaj ne montri ĝin al juĝistoj. De l' sama mateno, kiam oni nur kondukis ilin juĝejon, li komencis sufokiĝi de oftiĝinta korbatado; lia frunto ĉiam estis kovrita per gutoj de ŝvito, la manoj ankaŭ estis ŝvitaj kaj malvarmaj, kaj lia malvarma, ŝvita ĉemizo gluiĝis al korpo, malhelpante liajn movojn. Per supernatura perforto li devigis la fingrojn ne tremi, la voĉon-esti firma kaj hela, la okulojn-trankvilaj. Ĉirkaŭ si li nenion vidis, la voĉoj alvenis al li kvazaŭ tra nebulo, kaj al tiu sama nebulo li direktis siajn penegojn respondi firme, respondi laŭte. Sed respondinte li tuj forgesis egale la demandon kaj sian respondon kaj denove silente kaj penege membatalis interne. Kaj tiel klare vidiĝis en li la morto, ke la juĝistoj penis ne rigardi lin, kaj estis malfacile diveni lian aĝon, kiel tiun de kadavro, kiu jam komencis putri. Laŭ pasporto do li havis nur dudek tri jarojn. Iafoje Verner tuŝis lian genuon per la mano kaj ĉiufoje li respondis per unu vorto: — Nenio! La plej terura estis por li, kiam subite venis netolerebla deziro krii — sen vortoj, per besta malespera krio. Tiam li silente tuŝis Verneron, kiu, ne levante la okulojn, silente respondis al li: — Nenio, Vaĉjo, ĝi baldaŭ finiĝos.

Kaj, ĉirkaŭprenante ĉiujn per zorgema, patrina okulo, suferadis de malkvieto la kvina teruristino, Tanja Kovalĉuk. Ŝi neniam havis infanojn, ŝi estis ankoraŭ tre juna kaj ruĝvanga, kiel Sergej Golovin, sed ŝajnis patrino por ĉiuj ĉi homoj: tiel estis zorgemaj, tiel senfine amplenaj estis ŝiaj rigardoj, rideto kaj timoj. Ŝi tute malatentis la juĝon, kiel ion tute flankan, kaj nur aŭskultis, kiel respondas la aliaj: ĉu ne tremas la voĉo, ĉu ili ne timas, ĉu ne estas bezone doni akvon. Vaĉjon ŝi ne povis rigardi de korpremo kaj nur mallaŭte premegis siajn ŝveletajn fingrojn; Musja'n kaj Verneron ŝi rigardis kun fiereco kaj respekto, kaj faris vizaĝon seriozan, enpensiĝeman, kaj al Sergej Golovin ŝi ĉiel penadis montri sian rideton.

— Kara, li rigardas ĉielon. Rigardu, rigardu, kolumbeto, — pensis ŝi pri Golovin.

— Sed Vaĉjo? Kio do estas? Dio mia, Dio mia... Kion mi faros kun li? Ion diri al li — estos ankoraŭ pli malbone: li ne ekploru subite?

Kaj kiel dum matenruĝo trankvila lageto, respegulanta ĉiun kurantan nubeton, ŝi reprezentis sur ŝia plena, kara kaj bona vizaĝo ĉiun rapidan senton, ĉiun penson de tiuj kvar; ŝi tute ne pensis pri tio, ke ankaŭ ŝi estas juĝata kaj pendigota — pri tio ŝi estis tute indiferenta. En ŝia loĝejo oni ja trovis ejon de bomboj kaj dinamito; kaj kiel strange — estas ŝi, kiu akceptis la policon per pafadoj kaj vundis la kapon de unu spiono.

La juĝo estis finita je l'oka, jam mallumiĝis tiam. La bluanta ĉielo iom post iom malaperis antaŭ la okuloj de Musja kaj Sergej Golovin, sed ĝi ne fariĝis rozkolora, ne ekridetis kviete, kiel dum someraj vesperoj, sed ĝi malklariĝis, griziĝis kaj subite iĝis malvarma, vintra. Golovin eksopiris, sin etendis, ankoraŭ du fojojn rigardis tra la fenestron, sed tie jam estis malvarma, nokta mallumo; kaj daŭrigante pinĉadi sian barbeton, li kun infana scivolemo komencis rigardi la juĝistojn, la soldatojn kun pafiloj, ridetis al Manjo Kovalĉuk. Kaj Musja, kiam la ĉielo estingiĝis, ne mallevante la okulojn, trankvile direktis ilin en angulon, kie malrapide ŝanceliĝis araneaĵfadeno; kaj tiel ŝi restis ĝis la verdikto estis proklamita.

Post la verdikto, adiaŭdirinte al advokatoj en frakoj, evitante iliajn senhelpe konfuzitajn, kompatindajn kaj kulpajn okulojn, la juĝitoj amasiĝis por momento apud la pordo kaj interŝanĝis per mallongaj frazoj.

— Nenio, Vaĉja. Ĉio baldaŭ finiĝos, — diris Verner.

— Mi do, frato, nenion, — laŭte, trankvile kaj eĉ kvazaŭ gaje respondis Kaŝirin. Kaj efektive lia vizaĝo iom rozkoloriĝis kaj ne ŝajnis plu vizaĝo de putranta kadavro.

— Diablo ilin prenu! ili ja pendigis,— naive insultis Golovin.

— Tion oni ja povis antaŭvidi — trankvile respondis Verner.

Morgaŭ la verdikto estos lastfoje proklamita kaj oni lasos nin kune, konsolante diris Kovalĉuk. — Ĝis la ekzekuto mem, ni ĉiuj estos kune. Musja silentis, poste ŝi decide ekiris antaŭen.

### III. Oni ne devas min pendigi.

Du semajnojn antaŭ kiam oni juĝis la teruristojn, tiu sama militdistrikta juĝantaro, sed konsistinta el aliaj anoj, juĝis kaj kondamnis al ekzekuto per pendigo Johanon Jansen, vilaĝanon. Tiu ĉi Johan Jansen estis vilaĝa manlaboristo ĉe bonhava farmisto kaj per nenio aparta diferencis de samaj aliaj laboristoj-proletarioj. Li estis Estono el Vezenberg kaj, tramigrante el farmo al farmo, li alproksimiĝis al la ĉefurbo mem. Ruse li parolis tre malbone kaj, ĉar lia mastro estis ruso, laŭnome Lazarev, kaj Estoj en proksimeco malestis, Jansen dum preskaŭ du jaroj silentis. Videble li ĝenerale ne estis parolema kaj silentis ne nur kun homoj, sed ankaŭ kun bestoj: silente trinkigis la ĉevalon, silente jungis ĝin, malrapide kaj maldiligente moviĝante ĉirkaŭ ĝi per malgrandaj necertaj paŝetoj, kaj kiam la ĉevalo malkontenta de silento komencis kaprici kaj petolaĉi, li silente batis ĝin per viphaltilo. Li batis ĝin kruele, kun malvarma kaj ma[...] persisteco, kaj, se tio okazis, kiam li e[stis] en grava postebria stato, tiam li furioze [...]dis ĝin. Tiam ĝis la domo mem oni aŭ[dis] vipfajfon kaj timeman, oftegan, dolor[plenan] frapon de hufoj en tabulan plankon de [la stal]lejo. Pro tio la mastro iafoje batis Ja[nsenon] mem, sed tio estis senutile. Unu aŭ du [fojojn] dum la monato Jansen malsobriĝis, kio [...] okazis, kiam Jansen forkondukis la m[astron] al granda fervoja stacidomo, kie estis b[ufedo]. Malsidiginte la mastron, li reveturis duo[n...]ton de l' stacidomo kaj tie, enŝovinte en [...]ĝon, flanke de l' vojo, glitveturilon kaj [ĉeva]lon, atendis foriron de l' vagonaro. La [glitve]turilo staris klinite, preskaŭ kuŝis, la [ĉevalo] profundiĝis en neĝmonteton per siaj di[...]taj piedoj ĝis la ventro kaj kelkfoje [...] vizaĝon malsupren por leki la molan la[...]neĝon, kaj Jansen duonkuŝis en malo[...] pozo en la glitveturilo kaj kvazaŭ dor[mis]. La malligitaj orelkovriloj de lia senhari[ĝa] ĉapo senforte malsuprenpendis, kiel la [...] de ĉashundo, kaj estis malseke sub la [...]nazo. Poste Jansen reiris en la stacidom[on], rapide malsobriĝis. Reen al la farmo li [...] la tutajn dek verstojn. La batita, teruri[gita] [ĉeva]leto galopis per ĉiuj kvar piedoj, kiel fr[...] la glitveturilo glitadis flanken, klinis, fr[apis] kolonojn, kaj Jansen, mallevinte la ko[...]lojn kaj ĉiu minute preskaŭ falante el [la glitve]turilo. ĉu kantadas aŭ ĉu li elkriadis [...] Estona lingvo per interrompataj, nek[...]neblaj frazoj. Kaj pli ofte li eĉ ne kant[is] silente, forte kunpreminte la dentojn de[...] de ia furiozeco, suferoj kaj ravo, kure[...]taŭen kaj estis kiel blinda: li ne vidis r[...]tatojn, ne avertis, ne malrapidigis la fr[...] kuradon nek ĉe deturnoj, nek sur de[...]. Estas tute neklarigebla, kiamaniere li [...] tiuj sovaĝaj veturadoj, ne dispemis iu[n...] mem ne pereis. Trad. D-ro J. Ostrov[...]

(*Daŭrigota*).

# UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

U. E. A.

## OFICIALA INFORMILO

### Fako Ia : ADMINISTRADO

*Administraj servoj.*

Kiel ni jam diris, la organizo de la administraj servoj de U. E. A. estis plibonigita. De nun, ĉio kio koncernas ĉiujn fakojn de U. E. A. estu sendata al unika adreso : ESPERANTIO, 8, *rue Bovy-Lysberg, Genève*, kie speciala oficisto apartigos la leterojn kaj komunikos ilin al la kompetentaj komitatanoj kaj helpanoj. Tion ni faris laŭ la peto de multaj Del. kaj Subdel., kiuj plendis pri la multeco de la adresoj kaj elspezoj, kiujn ĝi kaŭzas. Ĉiuj mendoj (Jarlibro, propagandiloj, leterpapero, k. c.) estos plenumataj en la presejo de U. E. A. (Chalon-s/Saône). S-roj Balandra kaj Royer, Del. en Chalon, bonvolis preni sur sin tiun gravan taskon. Ni petas ĉiujn niajn korespondantojn, ke ili ĉiam skribu plej legeble siajn mendojn por faciligi nian laboron, kiu pro la kreskanta nombro de la mendantoj, fariĝas ĉiam pli grava.

∴ Niaj novaj *insignoj* estas nun fabrikataj en Dresdeno kaj estos baldaŭ pretaj. La mendintoj bonvolu paciencigi.

*Jarlibro.*

La *dua serio* de la Oficiala Jarlibro de U. E. A. aperos tuj en la komenco de aprilo; ĝi enhavas, krom la korektita materialo de la unua serio, aldonon kun la listo de la novaj Subdel., de post Marto. Multajn gratulojn ni ricevis pri nia Jarlibro pro ĝia kompleteco kaj utileco. Ĉiuj niaj Del., Subdel et Konsuloj devas posedi tiun libron kaj ĝin disvendi al la membroj de sia regiono. (Prezo : 25 Sd. 90 pagoj). Oni ankaŭ ne forgesu *tuj* sendi anoncojn kaj reklamojn ; ju pli da ili ni havos, des pli malkara fariĝos nia Jarlibro.

*Aliĝoj.*

La nombro de la Esperantianoj, kiuj repagis sian kotizajon por 1909, atingas ĉirkaŭ 2.000. La Del. et Subdel., kiuj ne ankoraŭ enkasigis la kotizajon de ĉiuj membroj de sia regiono, bonvolu tion fari kiel eble plej rapide.

Ni rememorigas, ke je monato julio ĉiuj Delegitoj, kiuj ne estos varbintaj minimume 20 Esp-ianojn, laŭ la regularo, fariĝos Subdelegitoj. Ni esperas, ke ilia nombro estos kiel eble plej malgranda.

Ni denove informas ĉiujn Del. & Subdel., ke ili ankaŭ devas pagi sian kotizajon tute same kiel ordinaraj membroj.

*Kontrolo.*

Dank' al la ordigo de niaj administraj servoj, la kontrolo pri la laboro de la Del. & Subdel., laŭ § 19 de la Regularo, estos akurate farata kaj la nomita § 19 plene aplikita, por la bonordo de la diversaj servoj de U. E. A.

*Novaj Subdelegitoj.*

ALCANIZ (Hispan.). — S-ro M. Gimeno.
ALTENDORF s/Ruhr (German. — S-ro Erich Grischow.
BALATON (Minn-Usono). — S-ro A. Peterson (Rurala route 4).
BEKESCSABA (Hungar). — S-ro J. Valentini.
BUDAPEST (Hungar). — S-ro J. de Bulyovszky (Nagymerzon 12-111).
BUXTON (Derbysh-Anglujo). — S-ro Sydney Taylor.
COVENTRY (Anglujo). — S-ro I. H. Wright (20 Osborne Rd-Earlsdon).
JAMBOL (Bulgar.). — S-ro Leŭt Silvestriev.
LIGHTCLIFFE (Halifax, Anglujo). — S-ro A. Lochhead (Eastcliffe).
LONGUEVILLE par Leugny (Aube-Franc.). — S-ro G. Hugot.
MODENA (Italujo). — S-ro Prof. E. Tentori (Poste Restante).
PAWTUCKET (R.I-Usono). — S-ro E.-L. Southwick.
POTSDAM (German). — S-ro W. Holst, Margaretenstr., 34.
ROSTOCK (German.). — S-ro E. Heydweiller (Kaiser Wilhelmstr. 2).
SEBNITZ (German.-Saksujo). — S-ro E. Krumpler.
SOGAMOSO (Kolombio, Sud-Amerika). — S-ro Abel de Rico.
STAVELOT-SPA (Belgujo). — S-ro T. Ŝerstevens.
TEZIUTLAN (Meksik). — S-ro L. Labada Molino (Central Hidalgo 2).
TORONTO (Kanado). — S-ro H.-S. Saunders (21 Harbord Str.).

Entute 568 lokoj kun 232 Del. kaj 389 Subdel.

*Ŝanĝoj :* Ĝis nova avizo oni bonvolu forstreki *Bourges* (Francujo) kaj *Echallens* (Svisujo) el la lokoj Esp-iaj. — La Subdel. en *Oldenburg* (German.) estas nun F-ino A. Holzkamper (Uferstr. 22) anst. S-ro W. Lamken, forvojaĝonta. — La Del. de *Seattle* (Washington-Usono) estas nun S-ro Ch. E. Randall (Box 971). — La Del. de *Zurich* (Svis.) estas nun S-ro Ed. Kuder (Bleicherweg 45-II), anstat. S-ro Muschamp, eksiĝinta.

∴ Laŭ « Almanako de Gotha » Eŭropo dum 1908 havis *143* urbojn, kiuj entenas pli ol 100,000 loĝantoj ; en jam *97* el tiuj urboj U. E. A. havas Del. aŭ Subdel. ; mankas do nur 46 (Germanujo 9, Hispanujo 3, Britujo 15, Rusujo 7, Francujo 3, Italujo 3, aliaj 6). Ni klopodos por ke baldaŭ en *ĉiuj* urboj de 100,000 loĝantoj estu U. E. A. reprezentanto. Inter la ĉefurboj mankas nur Stockholm, Athena, Belgrad, Konstantinoplo ; en ĉiuj aliaj estas Del. aŭ Subdel.

### Fako IIIa : KONSULOJ

*Novaj konsuloj.*

I (ĝeneralaj informoj, turismo), K (komerco), V (Virinoj), J (junuloj).

*Amsterdam* : de Vries I ; De Liefde K. — *Bruselo* : Pastro Richardson J. — *Hilversum* : D. Uitterdyk J. — *Jambol* : Penko Petrov K ; Anatanasov J. — *Le Creusot* : Marius Mignot J. — *Nancy* : L. Verain J. — *Weimar* : Ehrbardt K ; Otto Becker J ; F-ino Hushke V.

### Fako VIa : KOMERCO & INDUSTRIO

*Esperantaj reklamiloj.*

Ni insiste petas ĉiujn konsulojn por komerco, ke ili bonvolu ĉiam adresi al ni kelkajn ekzemplerojn de la Esperante redaktitaj prospektoj, kiuj aperas en ilia urbo. Ili bonvolu ankaŭ kiel eble plej instigi la komercistojn de sia loko, ke ili eldonigu tiajn prospektojn per Esperanto. Tiuj reklamiloj estos, en plej bonaj kondiĉoj, dissendataj kaj disdonigataj de la reklama subfako de U. E. A. Oni rimarku, ke tiu servo de nia asocio estas plej grava. sed por ke ĝi estu vere uzata kaj povu pligrandiĝi, estas necese, ke niaj Del., Subdel. kaj konsuloj kiel eble plej klopodu por ĝin diskonigi, per paroladoj, gazetartikoj, vizitoj al komercistoj kaj agentejoj. k. a.

*Juraj Informoj.*

Ni rememorigas, ke dank'al interkonsento kun la Int. Societo de la Esp-istaj Juristoj, nia asocio liveras al ĉiuj Esperantaj entreprenoj, laŭ ilia peto, informojn pri juraj demandoj de ĝenerala intereso. La celo de U. E. A. en tiu rilato estas ankaŭ la kolekto de leĝoj, administracaj decidoj, k. c. pri ĉiulandaj importoj, doganpagoj, komerca & industria juro, defendo de patentoj, modeloj kaj komercajaj signoj, k. c.

## ESPERANTIAJ INFORMOJ

**Augsburg** (Germ.). — La ĉi tiea grupo, fondita antaŭ kelkaj monatoj, aranĝis la 6a marto grandan propagandan kunvenon, kiu estis vizitata de pli ol 200 personoj. Ankaŭ la delegitoj de l'aliaj bavaraj grupoj (München, Nürnberg, Furth, Wurzburg, Schweinfurth, Mindelheim, Kempten) ĉeestis. So prof. Christaller, Stuttgart, paroladis dum 1 1/2 horoj sukcesplene pri Esperanto, la lingvo internacia, multe da personoj aliĝis tuj al nia grupo kaj precipe ankaŭ poste. S-ro Christaller ankaŭ priparolis la tre gravajn celojn de U. E. A. La ekspozicio riĉhava tre interesis. La 7 marto okazis la unua bavara delegitara kunveno, ĉe kiu partoprenis ĉiuj prezidantoj de la bavaraj grupoj. La tagordo estis tre granda Unuvoĉe estis decidata la fondo de l'« Bavara Ligo » (sido : Augsburg) kiel subligo de G. E. S, Tio estis tre necesa por flegi kaj igi pli vivaj reciprokajn rilatojn inter la bavaraj grupoj k. t. p. Precipe ankaŭ al U. E. A. estis decidata unue por akceli la gravajn celojn de U. E. A. kaj ankaŭ partopreni al la tre bonegaj servoj de U. E. A. En monato junio okazos, somerfesto « ĉe la Starnberger-Sec ». La grupo Augsburg tre fervore laboras. La del. paroladis antaŭ kelkaj semajnoj en unuiĝo komercista kaj parolados dum la proksimaj semajnoj en 4 aliaj komercistaj kaj teĥnikaj unuiĝoj. Je la 17 aprilo S-ro Docteur Schramm-Dresden vizitos nin ; tiam estos aranĝata « familia-vespero ». Ni presigis la artikolojn pri la signifo de S-ro Prof. Christaller kaj la celoj kaj signifo de U. E. A. en malgrandan gazeton, kiu nun estos dissendata post kelkaj tagoj en 2000 ekzemplaroj en Augsburg kaj tuta Bavarujo. Tiam ni esperas atingi praktikajn sukcesojn por la uzado de la bonegaj servoj de U. E. A.

W. B.

**Bologna** (Ital,). — Tre baldaŭ estos malfermata la Internacia Ekspozicio de Arto, Laboro, Nutrado kaj Higieno, ĉe kiu estas rezervita fako por Esperanto. Tiu fako estis organizita de S-ro Tellini, nia Subdel., sub la aŭspicioj de U. E. A. Niaj legantoj trovos informojn pri tiu grava fakto en venonta No de nia gazeto.

**Bradford** (Anglujo). — Ekzemplo pri la utileco de U. E. A. S-ro Ragg, grava lanindustriisto en tiu urbo, skribas al ni : « Por montri al niaj legantoj, ke la fako Komerco & Industrio estas multvalora por ĉiuj interesuloj, mi ĝojas informi vin, ke S-ro D-ro Kandt, del. en Bromberg, konigis al mi firmojn, kiuj komercas pri Zackel-ŝaflano, en la distriktoj, kie ĝi kreskas : Aŭstrio, Hungarujo, k. a. Ni okazoj de tio petas, ke la firmoj aŭ privatuloj, kiuj uzas niajn servojn kaj ricevas de ili profiton, bonvolu tion konigi al ni por helpi al la disvastigo de U. E. A.

**Frankfurt-s-M.** (German.). — Kiel niaj legantoj jam scias, Aerveturada Internacia Ekspozicio okazos dum somero 1909. Je tiu okazo, la Frankfurta Esp. Grupo, konsente kun la Grupo de Bad-Godesberg (Esperanto-Kolonio) invitas ĉiujn samideanojn al festo, kiu estos fiksita je 29a de Aŭgusto, kaj kiu verŝajne finos Rejnan ekskurson kaj viziton al Esperanto-Kolonio de Bad-Godesberg. Nia turisma fako, sub kies aŭspicioj okazos la dirita ekskurso, plej baldaŭ konigos la alprenitan planon per ĉi tiu jurnalo. Ni tre esperas, ke multaj respondos al la alvoko de niaj Rejnaj kaj Frankfurtaj samideanoj, kiuj fervore klopodas por prepari belan akcepton al la vizitontoj.

**Moskvo** (Rusujo). — La IIan de marto nia fervora Delegito, S-ro Szabuniewicz, aranĝis sukcesan vesperfeston por U. E. A., kiun ĉeestis pli ol 150 personoj. En tiu regiono la nombro de Esperantianoj atingos 120. Imitinda ekzemplo.

**Nuits** (Franc.). — En tiu urbo, U. E. A. treege prosperas. La 13en de marto en la salonoj Monnin, estis organizita ĉarma Esperantia vesperfesto, kiun ĉeestis la tuta Esp.-ianaro de l'urbo. La Esp.-iaj junulinoj vestitaj ĉu itale, ĉu svede, ĉehe aŭ ruse, mirinde personigis la internaciecon kaj interrilatecon de nia kara U. E. A. La Esp.-iaj anaroj imitu nin, ĉar tiaj festetoj tre bone taŭgas por konservi la varbitajn anojn. La trapasantoj Esp-ianoj estas invitataj viziti nian urbon ; ili ricevos varman akcepton.

**Paris** (Franc.). — Sub la aŭspicioj de ESPERANTO estis organizita sukcesplena festo en la grava festosalono de *Le Journal*. S-ro C. Bourlet, prez. de la Pariza Grupo, rememorigis pri la signifo kaj utileco de U. E. A. Aplaŭditaj literaturaj produktaĵoj kaj kantoj ĉarmis post la multenombra ĉeestantaro.

**Praha** (Bohem). — Tian ĉi jaron okazos granda regiona ekspozicio en Klatowy, urbo en suda Bohemujo, kiu enhavos kiel specialan sekcion Esperanto-ekspozicion. Ĉiuj samideanoj bohemaj kaj fremdaj estas petataj subteni tiun ĉi gravan entreprenon per sendado aŭ pruntedono de gazetoj, libroj, komercaj katalogoj, afiŝoj, p. kartoj, k. t. p. Ĉio estu adresata al s-ro prof. Pitlik, Klatowy (Bohem.). — Ĉio pri Ia Kongreso de Bohemaj Esp.-istoj estu adresata : B. U. E. Praha 1-342. Café Union.

**Radebeul** (Saklujo). — Laŭ la iniciato de nia Del. S-ro Mangelsdorf, fondiĝis sub la nomo « Universo » grupo, kies ĉiu membro estos Esperantiano plenrajte. Tiu decido, jam alprenita en kelkaj lokoj, estas tute imitinda.

## ESPERANTIA PAROLEJO

### Esperantistaj Festoj.

Ni tre ofte ricevas de niaj Del., Subdel. aŭ korespondantoj raportojn tute detalajn pri lokaj festoj. Esp., koncertoj, teatraĵoj, k. c. kun peto ilin represi en nian gazeton. Tion ĉi ni principe ne povas fari, 1e ĉar se ni presus ĉiujn, nia gazeto estus multe tro malgranda, 2e ĉar tiuj faktoj ne prezentas ian internacian intereson. Oni presigu tiujn raportojn en lokajn gazetojn kaj en naciajn propagandajn gazetojn, ĉar tiu agado koncernas ekskluzive la grupojn kaj propagandajn organizajojn, sed ne U. E. A. Ni petas de niaj Del. & Subdel. informojn pri ilia agado *por U. E. A.* (paroladoj, servoj faritaj de ili, manifestadoj por U. E. A.) unuparte, pri lokaj okazantaĵoj havantaj ĝeneralan intereson (ekspozicioj, kongresoj, festoj, komerco, laboro, k. c. aliparte. Tio ne signifas, ke ni iel ajn malaprobas la Esp. festojn, kiujn ni male opinias utilaj kaj necesaj, sed simple konsideras ilin, kiel ili estas, t. e. manifestadoj de pure loka intereso.

Cetere, ni opinias, ke samstatoj multegaj festetoj, kiuj pro sia malsamdateco ne elvokas ĝeneralan impreson, estas preferinde havi nur unu festotagon aŭ festosemajnon por la tuta Esperantistaro.

### Pri Esperantista loterio

Rigardinte kun granda intereso la disvastiĝon de nia kara Esperanto, mi pripensis tre ofte pri iu rimedo, per kiu oni povus materiale servi al U. E. A. kaj Esperanto. Laŭ mia opinio, tiu plej bona rimedo estus *Esperantista Loterio.*

Esperantista Loterio certe sukcesus. Mi, kiel laboranto en loterio, povas diri, ke ĉiuj kondiĉoj estas plej favoraj. Ĉiu membro de nia aro plezure donus malgrandan sumon (1/2 aŭ 1 ₷) por 1 loteria lileto, ne tiel pro gajnespero, sed jam pro tio, ke la loterio estus pure Esperantista kaj havus humanan celon. Observinte atente Esperantujon, kiom da societoj, anoj, firmoj, ĝi havas, estas nenia dubo, ke tia entrepreno prosperus.

Mi permesas al mi demandi, ĉu U. E. A. estus preta akcepti tiun ĉi ideon kaj aranĝi tian loterion en Esperantujo. En jesa okazo, mi proponus al vi miajn servojn, eventuale havigus la necesan materialan rimedon en entrepreno tiel ke la asocio nenion risku. Sola devo de U. E. A. estus atingi permeson por fondi loterion.

Fr. Smia. — Boh. Matyas.

Similan proponon ni ricevis de nia Subdel. en Mindelheim.

### Kongresaj bioskopajoj.

Se monfondajo estus starigota por farigi dum la kvina bioskopajojn de la kongreso, oni povus elmontri ilin en ĉiu urbo, en kiu monsumo estas donata por tio. Se tiu ideo estas juĝata efektivigebla kaj trovos kunlaborado mi tuj sendos monsumon da 10 ₷, esperante, ke tiu sumo sufiĉe pligrandiĝos por atingi la diritan celon.

J. Vermaas, Vicdel. Rotterdam.

∴

Ni petas ĉiujn Esperantianojn, kiujn la supraj proponoj iel ajn interesas, bonvolu plej baldaŭ skribi al ni kaj konigi sian opinion. Tuj poste, ni elektos inter la respondintoj komisiitaron, kiu studos zorge la proponon kaj sendos al la komitato, antaŭ difinita tempolimo, precizajn projektojn de budĝeto por la efektivigo de la afero, farotajn klopodojn, k. a. Tiamaniere ĉiu propono povos esti ekzamenata de kompetentaj homoj kaj ĉiu proponanto ricevos certan respondon pri sia projekto.

U. E. A.

## LA KONKURSOJ DE U. E. A.

Kelkaj personoj petis, ke ni bonvolu ripeti la kondiĉojn por la diversaj konkursoj organizitaj de U. E. A.

1. **Pri la plej bone organizata Esperanto-Oficejo.** — Kondiĉoj : *a)* plenumi ĉiujn kondiĉojn priskribitajn en la cirkuleroj de U. E. A., speciale en la Jarlibro ; *b)* la Delegito aŭ Subdelegito sendu fotografaĵon montrantan la fenestregon de la Esp.-Of. kaj planon, fotografaĵon aŭ desegnon montrantan la internajn aranĝojn de la Esp.-Of. ; *c)* la fotografaĵoj kaj dokumentoj estu subskribataj de la Del. aŭ Subdel. por certigi ke ili estas konformaj al la realeco kaj ke la Esp.-Of. jam funkciadas post tri monatoj ; *d)* la dokumentoj estu sendataj antaŭ la 1a de Julio. — 1a Premio : 20 ₷.

2. **Konkurso «Esperanto-Jurnalo» Pri la plej bela Esperanta gvidlibro**—Kondiĉoj : *a)* ĝi estu redaktita tute Esperante ; *b)* ĝi enhavu minimume 12 paĝojn ; *c)* ĝi estu ilustrita ; *d)* la anoncoj ne estu miksitaj kun la teksto ; *e)* du ekzempleroj de ĝi estu sendataj al U. E. A. antaŭ la 1a de Majo ; *f)* povas partopreni ĉiuj grupoj, societoj, esperantistaj aŭ ne, se nur estas Del. aŭ Subdel. en ilia loko. — 1a Premio : 20 ₷.

3. **Konkurso Warnier: Pri la plej bona ideo por disvastigi U. E. A. kaj pligrandigi ĝian utilecon.** — Kondiĉoj : *a)* la ideo kaj projekto estu precize formulita kun ĉiuj praktikaj detaloj ; *b)* ĝi estu realigebla en la nuna stato de U. E. A. kaj per ĝiaj propraj rimedoj ; *c)* ĝi rilatu kun la celo de U. E. A., t. e. ne kun la propagando de Esperanto, sed al la plifaciligo de la rilatoj inter diverslingvanoj per Esperanto ; *d)* la la boro ne havu pli ol 2500 vortoj, nek malpli ol 500 ; *e)* ĝi estu sendata antaŭ la *1a de Majo* ; *f)* povas partopreni ĉiuj Esp-ianoj antaŭ la 1a de Februaro. — 1a Premio : 10 ₷.

4. **Konkurso Warden: Pri la plej bone verkita raporto pri komerco kaj industrio.** — Kondiĉoj : *a)* ĝi priskribu la komercan kaj industrian staton de sama regiono, speciale pri importajoj kaj eksportaĵoj, foiroj, ekspozicioj, movado de la salajroj, specialaj enlandaj industrioj, ĝenerala ekonomia situacio ; *b)* la laboro ne enhavu pli ol 2,500 vortoj nek malpli ol 500 ; *c)* ĝi estu sendata antaŭ la *1a de Majo* ; *d)* povas partopreni ĉiuj Delegitoj, Subdelegitoj kaj speciale konsuloj por komerco. — 1a Premio : 10 ₷.

5. **Konkurso Hobomo : kiel fremda vojaĝanto povos plej bone viziti nian urbon dum okhora restado ?** — Kondiĉoj : *a)* la laboro ne havu pli ol 1500 vortoj ; *b)* ĝi estu sendata antaŭ la *1a de Majo ; c)* povos portopreni ĉiuj Esperantianoj antaŭ la 1a de Februaro 1909. — 1a Premio : 20 ₷.

6. **Konkurso Nepo : La necviteblaj malfacilaĵoj kaj danĝeroj, kiujn renkontus movado kiel Esperantismo kaj kiel U. E. A. povus ilin venki.** — Kondiĉoj : *a)* la laboro ne enhavu pli ol 1000 vortoj ; *b)* Ricevos la premiojn tiuj, kiuj montros plej klaran komprenon de la tuta Esperantista movado, plej klaran komprenon de la nuna organizo de U. E. A., plej praktikajn projektojn pri la atingo de la celo ; *c)* la laboro estu sendata antaŭ la *1a de Majo*. — 1a Premio : 10 ₷ ; 2a premio : 5 ₷.

7. **Konkurso Bad. Godesberg : kiun utilon prezentus U. E. A. al Esperantisto, kiu vizitas la plej belajn regionojn de la Rejno ?** — Kondiĉoj : *a)* La laboro ne havu pli ol 1,000 vortoj ; *b)* ĝi estu sendata antaŭ la *1a de Majo* ; *c)* povas partopreni ĉiuj Esperantianoj antaŭ la 1a de Marto. — 1a Premio : 10 ₷.

### Diversaj rimarkoj :

*a)* Ĉiuj premiitaj laboroj estos presataj en « Esperanto » ; same por la laboroj, kiujn la juĝantaro opinios presindaj ; *b)* la juĝantaro rezervas al si la rajton anstataŭigi la unuan premion per du duaj premioj de duona valoro ; *c)* la laboroj estu legeble skribitaj ; la stilo, se nur ĝi estas komprenebla, ne estos atentata ; *d)* la laboroj estu sendataj al ESPERANTIO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* ; *e)* ĉiuj laboroj estu subskribataj per la nomo de la konkursanto kaj la numero de lia membrokarto.

Ni tre esperas, ke kiel eble plej multaj el niaj membroj partoprenos en tiuj konkursoj tiel ke iliaj rezultatoj estu plej utilaj al U. E. A.

## 4a LISTO de ESPERANTIANOJ

*Kiuj pagis por 1909a*

KONISBERG (43.11), — *D. Schwaiger.* — 1. D-ro Ebner ; 2. S-ino M. Schwaiger ; 3. F. Zuber ; 4. W. Würffel ; 5. C. Nitz ; 6. Aron ; 7. S-ino Schæfer ; 8. Schuttkowski ; 9. F. Loore ; 10. Barkowski ; 11. G. Schattat ; 12. P. Fast ; 13. Janke ; 14. D-ro Michelir ; 15. F-ino Lur ; 16. F-ino Schwedersky ; 17. F-ino E. von Deiker ; 18. Wessel ; 19. S-ino Flait ; 20. Fino Becik ; 21. S-ino Hermann ; 22. F-ino E. Schmidt ; 23. J. Piebrzysk ; 24. W. Pinkert ; 25. B. Gensch ; 26. R. Hermann ; 27. F-ino W. Cuno ; 28. F-ino M. Vogel ; 29. F-ino Parenstedt ; 30. A. Ciesten. *Sumo : 30.*

PARIS-CENTRO (44.361.1). — *D. Robert.* — 127. E. Plant ; 127. S-ino A. Sirven ; 129. Rattier ; 130. Favet. *Sumo : 4.*

HALSTEAD (42.67). — *D. J. Lee.* — 1. J. G. Lee ; 2. Henry Everitt ; 3. S. Lawrence ; 4. L. Rowland ; 5. J. H. Seymour ; 6. G. Staines ; S-noj ; 7. Kibble ; 8. Lee ; 9. Sudburg ; F-inoj : 10. E. Brown ; 11. Fletcher ; 12. K. Harrington ; 13. M. Inmann ; 14. J. Inmann ; 15. M. Nokes ; 16. M. Neren ; 17. G. Larkins ; 18. E. Parsley ; 19. M. Patman ; 20. I. Spink ; 21. E. Spink ; 22. Tiffen ; 23. W. Whitehead ; 24. Woolnongh. *Sumo : 24.*

AVIGNON (44.92). — *D. P. Champion.* — D-ro Bean. *Sumo : 1.*

BUKURESTO (49. 8). — *D. Ginglea.* — 2. Savopol ; 10. G. Robia ; 23. Alperin ; 24. Niculae Stan. *Sumo : 4.*

LIRIA (46.731.4). — SD. *Juan F. Serra.* — 1. Juan F. Serra ; 2. Ernestina Serra ; 3. P. Faubert ; 4. A. Marti. *Sumo : 4.*

TABOR (43.71.6). — SD. *R. Cikhart.* — 1. Cikhart ; 2. F-ino Vegerwa. *Sumo : 2.*

MERCUREY (44.433.1). — SD. *Ch. Jadeau.* — Ch. Jadeau ; 3. E. Menand ; 1. C. Toussaint ; 4. F-ino M. Matrot ; 2. F-ino B. Renaudin ; 5. J. Bonneau ; 6. Bretagnon ; F-ino Charton. *Sumo : 8.*

STUTTGART (43.47.1). — *D. A. Haeussler.* — 1. Haeusseler ; 2. Christaller ; 3. Riethmuller ; 4. Stauss ; 5. Leyrer ; 6. Sfeil ; 7. Müller-Slesinsky ; 8. Vordermayer. *Sumo : 8.*

BAD-GODESBERG-a-Rh (43.429). — D. *H. Arntz.* — 1. Arntz ; 2. Hussel ; 3. S-ino Marx ; 4. Butin ; 5. Oster ; 6. F. G. Hermann ; 7. A. Hermann ; 9. S-ino Küppers ; 8. Von der Becke ; 10. F. Elkan ; 11. W. Marx ; 12. Haas. *Sumo : 12.*

LONDONO (42.1), — *V.-D. Blaise.* — 1. Heiman ; 2. Frank ; 3. Webbe ; 4. Hall ; 5. Richardson ; 6. Theodore ; 7. Cade. *Sumo : 7.*

WIMBLEDON (42.21). — *S.D. Hide.* — 1. S-ino Sheehan. *Sumo : 1.*

RRADFORD (42.31). — *D. A. T. Priestman.* — 29. Ackroyd ; 30. Green ; 31. W. Barker ; 32. Hodgson ; 33. Gambles ; 34. V. Pickard ; 1. Priestman ; 2. Holmes ; 3. Farnell ; 4. Williams ; 7. R. Whitaker ; 10. F-ino Tordoff ; 12. J. Whitaker ; 18. S-ino Holmes ; 19. H. G. Evason ; 21. W. Mather ; 22. F-ino F. Rowling ; 23. P. H. Schllenberg ; 26. H. Fortune. *Sumo : 19.*

OXFORD (42.57.1). — *SD. A. A. Patterson.* — F. G. Beddard ; W. H. Bass ; H. Boig. *Sumo : 3.*

LANDCASTER (42.723). — *D. Baxandall.* — 3. Ch. D. Baxandall ; 4. J. Hatlon ; 5. J. Parker ; 6. J. J. Heywood. *Sumo : 4.*

MANCHESTER (42.726). — *D. Marriott.* — 1. H. Brisbane Eldon ; 2. W. G. Leuris ; 3. G. R. Warlurton ; 4. J. Woodall ; 5. J. Smith ; 6. P. Arundale ; 7. D. Breen ; 8. V. Bailey ; 9. R. W. Greaves ; F-inoj 10. E. Eldershaw ; 11. M. Eldershaw ; 12. J. Davies ; S-ro 13. E. J. Dorau ; 14. Ch. Slater. *Sumo : 15.*

HULL (42.747). — *D. Coulson.* — 1. Coulson ; 2. Rishworth ; 3. Jacklin. *Sumo : 3.*

HALIFAX (42.74.92). — *D. E.-J. Christie.* — 1. E.-J. Christie ; 2. S-ino Christie ; 3. Greenwood ; 4. Smith ; 5. Whitehead ; 6. V.-H. Christie ; 7. J. Waring ; 8. Holdsworth ; 9. Meredith ; 10. S-ino Meredith. *Sumo : 10.*

NEWCASTE-ON-TYNE (42.821). — *D. S-ino S.-E. Wright.* — 1. S-ino Wright ; 2. S-ino Christen ; 3. Learmount ; 4. Brown ; 5. F-ino Casson ; 6. F-ino Greene ; 7. Wyndham ; 8. Allan ; 9. Pattinson ; 10. Forster ; 11. F-ino Barber ; 12. M. Bryde ; 13. Kearton ; 14. J. Robson ; 15. S-ino R. Robson ; 16. F-ino Peters ; 17. Donald ; 18. Gill ; 19. Rodenhurst ; 20. F-ino Burns ; 21. F-ino Jonasson ; 22. Thompson. *Sumo : 22.*

BERLIN (43.15). — *D. Marchand.* — 1. Schiff ; 2. Schmidt ; 3. Aading ; 4. Schumacher ; 5. Vollmeister ; 6. Fasse ; 7. Günning ; 8. Breiger ; 9. Hauff ; 10. Küppers ; 11. Schwat ; 12. F-ino Rabe ; 13. Wichert ; 14. Marchand. *Sumo : 14.*

DRESDEN (43.211). — *V.-D. Tewner.* — 5. Fino Heineck. *Sumo : 1.*

FREIBERG (43.215). — *S. D. Sengelboden.* — 1. Dohler ; 2. Koller ; 3. Kirsten ; 4. Honig ; 5. Tietze ; 6. Schubert ; 7. Abrossimow ; 8. Herberger. *Sumo : 8.*

AUGSBURG (43.31). — *D. Beideck.* — 1. D-ro Purpus ; 2. Scholz Richard ; 3. K. Müller ; 4. E. Decker ; 5. E. Walzdorf ; 6. G. Roder ; 7. H. Sautter ; 8. W. Sautter ; 9. J. Ziegaus ; 10. J. Zolleis ; 11. H. Horber ; 12. Th. Wagner ; 13. J. Klotz ; 14. K. Bohrer ; 15. J. Hiemeyer ; 16. G. Greinbold ; 17. F-ino J. Ott ; 18. E. Bender ; 19. S-ro P. Arras ; 20. F-ino H. Schneller ; 21. G. Haege ; 22. W. Rehle ; 23. K. Rüd ; 24. A. Stiechele ; 25. C. Günther ; 26. P. Günther. *Sumo : 26.*

DANCIGO (43.12). — *D. S-ino A. Tuschinski.* — 1. S-ino Tuschinski ; 8. D-ro W. John ; 11. O. Emmert ; 33. John Willy ; F-inoj : 35. Ida Bless ; 62. Clara Tuschinski ; S-roj : 68. W. Schrœdter ; 69. R. Lœthe ; 71. S-ino E. Wolf ; 86. F-ino F. Tœrner ; 103. H. Wiebe ; 104. D-ro J. Petruschkg ; 105. S-ino Petruschkg ; 106. F-ino L. Lœthe ; 107. Gobel ; 108. F-ino A. Backe ; 109. R. Seibke ; 110. Suhr ; 111. Collins ; 112. D-ro Rahn ; 72. S-no B. Penkert ; 18. F-ino M. Penkert ; 115. E. Czerwinski ; 89. B. Prehn ; 84. S-no A. Unruh ; 113. S-no G. Bremer ; 116. S-no R. Pincus ; 117. O. Gramer ; 29. F-ino M. Schultz ; 118. H. Grieben ; 119. F. Zimmermann ; 120. H. Kobbe ; 121. S-no S. Edelbüttel ; 122. E. Müller ; 83. F-ino F. Klein ; 123. H. Topolowski ; 58. O. Clans ; 124. L. Kikut ; 125. J. Kallas ; 126. S-no A. Picpkorn ; F-inoj 129. J. Neisser ; 130. Penner ; S-roj 37. Hollmichel ; 131. Geppert ; 40. F-ino B. Hellmann ; 132. S-ino L. Blance ; 133. Dictert ; 128. D-ro Seemann ; 129. Salinger ; 127. Olbeter ; 43. S-ino M. Boretius ; F-inoj 134. M. Rudat ; 135. M. Zimny ; 19. M. Fischer ; 20. S-ino E. Blavier ; 136. Heimschke ; 42. F. Baum ; 44. S-ino M. Kawalki ; 106. S-ino Wichmann ; 137. F-ino E. Balau ; 138. F-ino Arnold ; 139. S-ino Petersen ; 140. S-ino E. Prehn ; 141. D-ro Klapp ; 143. F-ino H. Hoffmann ; 142. S-ino Klapp ; 144. F-ino L. Gumz ; 145. F-ino A. Candit ; 146. F-ino L. Drews ; F-inoj 147. S. Gützlaff ; 148. G. Gützlaff ; 149. Hude ; 150. W. Zimmy ; 151. S-ro Pietzner ; 152. Sterzambeck ; 39. S-ino F. Hadlich ; F-inoj 153. Bodenburg ; 154. Grund ; 155. Langner ; 156. Kühnel. *Sumo : 80.*

DUSSELDORF (43.422). — *D. Luis.* — B. Luis ; H. Poensgen ; M. Schneiders ; R. Friericks ; 1. W. Briehl ; 2. W. Gemser ; 3. W. Hentze ; 4. R. Kamp ; 5. Kreytenberg ; F. Haussmann ; 6. W. Rung. *Sumo : 11.*

| | |
|---|---|
| Sumo de la 3 antaŭaj listoj. | 704 |
| Sumo de la 4a listo. . . . | 318 |
| | 1.022 |

## MONDONACADO

POR LA

### SUFERANTOJ DE SICILIO KAJ KALABRIO

| | |
|---|---|
| Antaŭaj listoj | 544.70 |
| Esperantistoj de Kettering | 11.54 |
| Esperantistoj de Barcelona (nova) | 1.20 |
| Esperantistoj de Edinburgh | 10.»» |
| S-ro Bredall | 5.50 |
| S-ro Priestmann, Bedford | 1.25 |
| *Sumo.* . . | 574.19 |

La tuta monofero do produktis la sumon da *574.19 ₷*.

El tiu sumo, 73.77 ₷ estis senpere transdonitaj de la Esp. grupo de Edinburgh al la loka monofera komitato. La cetera sumo estis transdonita al la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco (S-ro P. Desgouttes, sekretario, Ĝenevo), laŭ du partoj, je la 27ª de februaro kaj 26ª de marto. Ree dankante ĉiujn Delegitojn, kiuj respondis nian alvokon kaj ĉiujn malavarajn donacintojn, ni deklaras, ke la Mondonacado estas definitive fermita.

U. E. A.

## ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ

## INTERNACIA INSTITUTO

DE

## ESPERANTO

### OFICIALA INFORMILO

**Kongresaj Kursoj.** — Ni tre petas, ke la samideanoj, kiuj intencas portopreni en niaj kursoj ĉe Barcelono bonvolu sendi siajn nomojn tuj. Estas neeble ion decidi antaŭ scii ĉu sufiĉe multaj deziras, ke tiaj kursoj okazu.

**Ekzamenoj.** — Ni intencas organizi ekzamenajn kunsidojn ĉe la naciaj kongresoj printempaj (Leeds, Gotha, k. t. p.) kaj ĉe Barcelono. Ni tre petas ke tiuj, kiuj deziras profiti tiujn okazojn, antaŭ tuj skribu al la Instituto.

**Pri sufikso-io.** — Unu el niaj helpantoj *erare* metis sur kelkajn kovertojn la vortojn *Francio* aŭ *Anglio* en la adresoj. La Instituto tute malaprobas tiujn formojn. La sufikso-*ujo* kaj-*lando* estas la sole oficialaj por esprimi landnomojn. Nur en radikvortoj kiel *Bolivio*, *Esperantio*, aŭ *filozofio* ekzistas la finiĝo-*io*.

*La Direktanto,*
Edmond Privat.

∴

Nia Instituto nur funkcias de malmultaj tagoj, kaj jam ni povas vidi, ke ĝi estis organizajo ŝatata en nia movado.

Estas superflue rememorigi pri la celo de nia entrepreno. Aprobita de la Dresden'a Kongreso, kaj organizata de nia agema propagandisto, S-ro Privat, ĝi laboras por unuigo en la instruado de nia lingvo. Por atingi tiun celon, ĝi intencas starigi ekzamenojn kaj disdoni diplomojn al profesoroj, kies kompetenteco nediskuteble kapabligas ilin instrui nian lingvon. Kiel pruvo de la favoro, kiun de la unuaj tagoj, renkontis nia Jus fondita Instituto, estu nur citata la fakto, ke dum ĝia nun trisemajna ekzistado, alvenis al la Instituto jam ĉirkaŭ 30 leteroj, petantaj pri informoj, pri ekzameno demandoj, cirkuleroj, k. t. p. Fariĝis necese skribi 39 leterojn por konigi nian regularon, por dissendi ekzamenajn paperojn, kaj doni klarigojn pri la Instituto.

Jam unufoje kunvenis ekzamena komisio; kaj ĝi havis la plezuron informi nian estimatan samideanon pri lia sukceso. Provizora atesto estas al li sendita.

Se oni pensas pri tio, ke nia entrepreno estas ankoraŭ tre malmulte konita, oni miros pri la jam ricevita rezultato. Nia ambicio tamen celas multe pli alten ol al simpla disdono de diplomoj al ĵlertaj esperantistoj. Ni deziras, kiel jam klarigis nia Direktanto en sia cirkulero («Esperanto» 5ª de Feb. 1909), fondi Esperanto-lernejojn, direktatajn de bonaj profesoroj. Jam kelkaj — ja, eĉ multaj — amikoj de la Instituto komprenis plene ĝian gravecon. Sindonaj eminentuloj — kiuj deziras resti nekonataj —sendis al ni sumon, kiu permesos al ni fari la unuajn urĝajn elspezojn. Ili ricevu nian plej sinceran dankon.

Estas bone konite, ke fervoro kaj sindonemo neniam mankas en la Esperantista mondo. Ni do konfide elmontras la gravecon de nia intencita laboro, kaj esperas, ke tiuj, kiuj povas helpi nin, bonvolos faciligi nian taskon, memorante, ke, pri tiaspecaj entreprenoj, la komenco estas ofte finance malfacila.

En Genevo, la 12ª de Marto 1909.

*La sekretario*
A.-M. Milsone.

# AVIZO

Pro la striko de la francaj poŝtistoj, nia gazeto, kiu jam estis preta je la 18ª, povis esti ekspedata nur kelkajn tagojn poste. Ni petas de nia legantaro senkulpigon je tio.

∴

En nia lasta felictono *Historio pri sep pendigitoj* enŝteliĝis jenaj preseraroj : 35ª linio, 2ª kolono *lumo*, ne *homo*; 5ª linio, 3ª kol. *sonorado*, ne sononado ; 34ª linio, 5ª kol. *fingro*, ne feringo; 11ª linio, 5ª kol. *kunpremiĝis*, ne kunpremigis.

Ni zorgos, ke tiaj faktoj ne reokazu.

# ANONCETOJ

### TARIFO

Korespondado. — *Unu enskribiĝo ₷ 0.30 (fr. 0,75). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj, kaj 50 o/o por 12 enpresoj. — PI = poŝtkartoj ilustritaj ; L = leteroj ; PM = poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas unu senpagan enpreson.*

Petoj & proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj) : ₷ 0,10 (fr. 0,25). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj kaj 50 o/o por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas unu trilinian anonceton.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ la 5ª kaj 20ª de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝkuponoj.

### Korespondado

Cholet (M.-&-Loire, Franc.). — Tiea esp. grupo (kun ne-franc.oj). Skribu al S-ro Tétaud, rue des Bons-Enfants.

Bilbao (Hisp.). — S-ro A. Basanta, Estufa 13, 2ᵉ. PK, PM.

Aïdin (Azia Turk.). — S-ro E. Stamatakis, apotekisto, PI.

Paris (Franc.). — S-ro Tison, r. des Francs-Bourgeois, 83 (IVᵉ) PI ; S-ro P. Prime, 89ᵉ av. d'Italie, PI ; S-ro G. Aguive, r. St-Honoré, 45, PI.

Nogent-s-Marne (Seine, Franc.). — S-ro A. Besançon. 7, r. des Jardins, PI, PM.

Le Creusot (Franc.). — S-ro A. Minfeld, 37, R. de Condé, PI.

Amiens (Franc.). — S-ro Lequieu, 58. R. de Cachy, PI, PM ; S-ro Leroy, 77, R. Lenotre, PI, PM.

Limoges (Franc.). — S-ro J. Guetton, R. Ras pail, 24, PI.

Le Mans (Franc.). — La tiea esp. grupo, PI, PM. La sekretario : S-ro Lepeltier, 14, R. Scarron.

Slatiny (Bohem, Aŭstr.). — S-ino O. Ptaĉnikova, poŝto Miliĉeves bei Jiĉin, Bohemujo, PI.

Gorlitz (Germ.). — Komercisto F. Mally, Fischmarkt Str., 1, PI (kun marko sur la bildo).

Neugersdorf (Saks, Germ.). — S-ro A. Krause, Zittauevstr. 1964 PK.

Nowy-Sacz (Galic. Aŭstr.). — St-Peksa (precipe kun Suda Eŭropo).

Dubnico (Bulgar.). — S-ro K. W. Mlaĝov, komercisto, PI. Tuj resp.

Balaton (Minn. U. S. A.). — S-ro A. Peterson, route 4ª Pk. L.

Mistek (Moravio-Aŭstrio). — S-ro Juriĉek Frt, stud.

Offenbach (Main, Germ.). — S-ro O. Amm, 82, Bernardstr, PI.

Auckland (New-Zeland). — S-ro L. E. Falkner, 282 Queen St., PI.

Olomuc 17 (Moravio-Aŭstrio). — S-ro J. Kubiĉek, PI, PM. L.

Bukaresto (Ruman.). — S-ro D. Trestioreanu, str. Viitorului 91, PI.

Prostejov (Morav, Aŭstr.). — S-ro A. Werner, PM. ; S-ro Sobetka, PI.

Lodz (Pot.-Rus.). — Administrejo de 10 artileria brigado, soldato-pentristo Nikolaj Muhatajev, L.

### Petoj kaj Proponoj

**Riprezentado.** — Londona Agento havanta oficejon deziras riprezenti alilandan firmon, ne alkoholaĵoj. Bonaj referencoj. The Rondo Agency, 87. Tinsbury Pavement. London-E.C.

**Someraj vojaĝoj.** — La subskribinto, malnova esp-isto, dezirus fari interesan vojaĝon dum venonta somero, proponas siajn servojn kiel akompananto ; li estas preta ĉion aranĝi por restado. La leterojn oni adresu al : S-ro D. V. Speranskij, sumi, Ĥarkovska gub, Rusujo.

**Geografio.** — Mi interŝanĝas geogr. kartojn plej novajn kaj en naciaj lingvoj de tiuj landoj (krom la neeŭropaj), kiuj montras ĉiuspecajn vojojn (fervojojn, k. t. p.). Mi sendas kartojn de Bohemujo kaj Aŭstrio. S-ro Ligi Lustig, in Kardaŝova Reĉice, Bohem, Aŭstrio.

**Rusaj jurnaloj.** — Mi dez. koresp. (PK, 4) ; tre interesiĝas pri fremdaj anoncoj. Mi akceptas abonojn por ĉiuj rusaj gazetoj kaj jurnaloj. S-ro L. Filippova, Iliniŝĉevskij per, kontora objavlenij, Moskvo. Rusujo.

**S-ro E. Becker**, Advokato-Konsilanto, 3, rue Grétry, Parizo, dez. konatiĝi kun esp. koresp. en ĉiuj landoj por interŝanĝi procesajn aferojn, enkasigojn, procesojn, k. t. p.

**Eldonajoj.** — Jus aperis : « Legendo de l' parohestro de Bulsono ». Francujo, Belgujo : 1 ekz. kostas ₷ 0,08 ; 10 ekz., ₷ 0,64. Nur poŝtmandatoj estas akceptataj. — J. Hériprel, Taliete-Rocroi, Franc.

**Korespondado.** — S-ro B. de Léon, Diamantbeurs, Pelikaanstraat, Gutwerpen (Belg.) dez. seriozan koresp. kun ĉiuland, samideanoj.

**Tre grava !** Tre riĉa kaj ĉarma junulo dez. konatiĝi kun bela & juna esperantistino, eĉ malriĉa. Tre seriozaj-proponoj al S-ro Georges Bonio, kroonstr. 72, Borgerhout, Antwerpen, Belgi.

**Ofico.** — Du junuloj, 18 & 19 jaraj, laborantaj en ludilfirmo, serĉas ian oficon en Hispan-, German- aŭ Anglujo-Skribu al S-ro G. Aguiré, 45, R. St-Honoré, Paris.

**Antaŭ ol akiri domojn**, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano Luigi Scarselli, via dell Agnolo 48, Firenze (Italia). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercaĵoj.

**Interŝanĝado.** — S-ro A. Peterson, Route 4, Balatón (Minn. U. S. A.) tre dez. koresp. kun ĉiulandaj gesam. Tuj ĉiam resp.

### Komercaj reklamoj

**Deveno & historio de Esperanto**, letero pri la deveno de Esperanto Paroladoj de S-ro Zamenhof. Pri evolucio de Esperanto. Literaturo Deklaracio pri Esperantismo. Himno esp. Prezo 25 Sd (intern. resp-kuponoj). Verko utilega por propagandistoj, por lernantoj ; modela, senerara leglibro por kursoj (10 ekz. ₷ 2.60 afr.). Eldonis ĉasopis ĉeskych Esp. Praha II, J. Dittrichova ul. Bohem. — *Ĉasopis ĉeskych Esperantistŭ*, ofic. organo de centra asocio Esper. havas nun *Literaturan al donon.* (20 pĝ) Prezo : 1.50 ₷.

**Ekspeda Firmo.**—Firmo Krook & Persson, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Norveg-, Sved-, Rusujo kaj Finlando.

**Riprezentado.** — Sinjoro inteligenta kaj diligenta dez. riprezenti bonan alilandan firmon. Adreso : « Verda Stelo », 56, Clarendon Rd, C. on M., Manchester, Anglujo.

**Procesoj & Enkasigoj.** — S-ro Emile Becker, Advokato-Konsilanto, Rajtigito ĉe la komerca Tribunalo ; 3, rue Grébry, Paris. Riprezentado por juĝaj aferoj. Studo de Procesoj-Enkasigoj en Francujo kaj ĉiuj Landoj.

**La Ĉapelpingloj por Sinjorinoj esperantistaj** kiuj tiom sukcesis dum la kvara estas aĉeteblaj ĉe S-ro E. Gabert, rue Claude-Delaroa, 10, St-Etienne, Loire (France). Prezo : Franc : 0,60 ₷ (1,50 fr.) ; alilando : 0,66 ₷ (fr. 1,65) afrankite. Specialaj prezoj por la vendo pogrande. Oni sendu la monon poŝtmandate.

**Esperanto-Hotelo.** — Ĉambroj tre komfortaj, malaltaj prezoj. S-ro A. Leclerc, 40, R. La Rochefoucauld, Paris (Apud stacidomo St-Lazare).

**Riprezentado.** — Londona Agento, hav. oficejon, dez. riprez. alilandan firmon (ne alkohol.). Bonaj referencoj. — « The Ronds Agency », 87, Finsbury Pavement, London E. C.

Silkaj novaĵoj Esperantaj ;

*Belaj kravatoj* verdstelumitaj, el atlaso, por sinjoroj ; kvin malsimilaj, modeloj, de 0.50 ĝis 0,80 ₷.

*La vera Esper. skarpo* kaj *rubandoj* por Sam-inoj ; la metro : 0,72 ₷,

*Esp. flagetoj*, dekduo : 1,2 ₷.

Firmo B. Peyraud, 41, rue de la Loire, St-Etienne (Francujo).

**Koviloj** sekigantaj « Perfekta » je varma aero kaj aŭtomata reguligilo ; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj. Katalogo ricevebla de J. Pascarel, Tours (Franc.).

La Internacian Esperantistan Poŝ-kalendaron por **1909** ĉiu Esperantisto devas posedi. Ricevebla afrankite kontraŭ 3 respondkuponoj aŭ 30 Sd. sendotaj al « Esperanto-Oficejo de Amikejo », *Moresnet*. Mendu ankaŭ « *La Barketo* » belega kanto kun f. piano, kiu kostas afrankite 65 Sd. Liveras ĉiajn Esperantajojn.



# Esperanto-Movado

Estus neeble priskribi detale la nunan staton de Esperanto en Ameriko. Ĉiuj kvin kolonetoj de nia gazeto, kiuj estas en nia dispono, ne sufiĉus nur por nomi la urbojn de Ameriko kun la Esperantistaj grupoj, societoj kaj kluboj en ili. Ameriko estas tiel kaj grave infektita per Esperanto, kaj eble ĝi estos la unua parto de l'mondo, kie nia lingvo atingos la finan venkon kaj estos oficiale enkondukita, kiel devigo lingvo en Amerikaj lernejoj kaj uzata ĉiuloke. Dank'al klopodoj de niaj tre agemaj Ĉiliaj samideanoj : D-ro E. Fraga, D-ro Goutierrez, S-oj Heuckens, C. Dassen el Buenos-Aires, A. Gouichard, Kontreras, Fabres, Biaut kaj Novoa jam estis enmetita la demando pri deviga lernado de Esperanto en lernejoj kaj gimnazioj en la programo de Tutamerika Scienca Kongreso, estinta en Santiago en Januaro 1909. Kvankam pro tro granda nombro da tezoj la demando pri Esperanto, kiel ankaŭ multaj aliaj tezoj, estis prokrastitaj, tamen oni diras (« La du Steloj » de januaro 1909), ke dum tiu kongreso regis favora atmosfero por internacia lingvo kaj multaj delegitoj kaj kongresanoj private elmontris sian simpation por Esperanto. Niaj Ĉiliaj samideanoj metis la semon favorigitan per iliaj penoj teron, se aliaj Esperantistoj en Ameriko volos zorgadi kaj kulturadi la semadon, povas esti, ke la sekvanta Tutamerika scienca kongreso, okazonta en Vaŝingtono en 1912 jaro, oficiale decidos proponi al ĉiuj registaroj de Ameriko formale akcepti nian lingvon kaj enkonduki ĝin en ĉiuj Amerikaj lernejoj. Pri tio ankaŭ devus atenti la VIª Internacia Esperantista Kongreso, kiu okazos en 1910 jaro.

En ĉiuj ŝtatoj de Norda Ameriko, en Kanado, Meksiklando, Kubo, Brazilio, Peruo, Ĉilio, Bolivio, Urugvajo-ĉie estas Esperantistaj Kluboj, Grupoj, Societoj, Kursoj. k. c. Ĉie estas agemaj, varmegaj Esperantistoj. inter kiuj ni trovas eminentajn scienculojn, doktorojn, profesorojn, advokatojn, inĝenierojn, artistojn, altrangajn militistojn, fervoregajn samideaninojn, bankierojn, negocistojn, k. c., kiuj propagandas nian lingvon per publikaj paroladoj, enkonduko en lernejoj aŭ penas pri ĝia praktika utiligado. Tre grava estas la fakto, ke la registaro de Unuiĝitaj Statoj Nord-Amerikaj sendis oficialan Delegiton al IV Internacia Kongreso, S-on Majoron Straub, kiu poste prezentis favoran raporton pri la Esperantista Movado en la mondo. Nia tre agema propagandisto, S-ro Backheuser, prof. de Politeĥnika Universitato en Rio-de-Janeiro ankaŭ estis komisiita de la Brazilia Ministro de Publika Instruado, ke li prezentu detalan raporton pri nuna stato de Esperanto en la mondo laŭ fakto, kiujn li vidis en Dresdena Kongreso kaj dum lia postkongresa vojaĝado en Eŭropo.

Dum 9-14 Aŭgusto 1909 en *Chautauqua* estos kongreso de Amerikaj Esperantistoj. Tiu ĉi kongreso sendube alportos novajn fortojn kaj sukceson al Esperanto kaj estos utila sperto por la aranĝota en 1910 jaro VIª Internacia Kongreso en Ameriko.

Tiu ĉi farita de ni mallonga ĝenerala pririgardo de Esperanto en Ameriko estu konsiderata, kiel komenco por pluaj raportoj pli detalaj pri denuna atentinda okazontaĵo Esperantaj en Ameriko; ni penos tiam informi nian legantojn pri ĉiu nova farigo kaj nomo aparte.

∴

Dank' al vigla laboro de niaj rusaj samideanoj en Moskvo, Esperanto komencas progresadi en Ruslando. La tre grava libroeldona firmo « *Posrednik* », inspirata per moralaj principoj de *L. N. Tolstoj*, estas tre favora al Esperanto : ĝi eldonis jam du novajn librojn, verkitajn de nia fervora propagandisto *D-ro Kabanov*, prof. de Universitato : unua *Helpa Inlernacia lingvo Esperanto* kun letero de *L. N. Tolstoj*, kaj dua-*Unua Esperanta legolibro* kun la gramatiko kaj vortaro ; la libro enhavas specimenojn el verkoj de famaj rusaj verkistoj. Tiuj ĉi du libroj estas tre bonaj propagandiloj, kiuj, dank'al tre disvastigita kaj ŝata en Ruslando, firmo *Posrednik*, baldaŭ atingos plej malproksimajn angulojn de tiu ĉi vastega lando. Baldaŭ aperos ankaŭ « *La fundamento de Esperanto* » por Rusoj (de la Hachette' a multingva eldono tradukita de la sama D-ro Kabanov), eldonota ankaŭ de Posrednik. La sama firmo redaktas du tre disvastigitajn jurnalojn precipe por rusaj junularo : « *Svobodnoje vospitanie* » kaj « *Majak* » en kiuj preskaŭ ĉiam aperas favoraj artikoloj pri Esperanto. — « *Mejdunarodnij jazik* » tradukita kaj eldonita de S-ro Titov (Moskvo) — rusa tradukado de brofuro publikigita de eminenta profesoro *W. Ostwald* kun mallonga raporto pri nuna stato de Esperanto en la mondo verkita de tradukinto.

Pri gustaloj niajn rusajn samideanojn pri la jus aperinta nova jurnalo « *La Ondo de Esperanto* » eldonata kaj redaktata de laborema fervorulo S-ro *A. Saharov*, posedanto de granda speciala librovendejo « *Esperanto* » en Moskvo. Ni deziras al tiu ĉi nova ano de Esperanta Jurnalaro, ke ĝia freŝa *Ondo* akvumu la ĝis nun ankoraŭ sen sekan rusan teron, por ke ĝi donu baldaŭ riĉan Esperantan rikolton. Niaj plej konatiĝaj fervoraj samideanoj D-roj Ŝidlovski kaj Kabanov fondis *Rusan fakon de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio*, al kiu aliĝis multaj rusaj kuracistoj kaj profesoroj en *Moskva Universitato*. En la sama universitato ankaŭ en *Peterburga* kaj *Tomska* (Siberujo) Teĥnologiaj Institutoj fondiĝis Grupoj el Esperantistoj-Studentoj, kiuj fervore lernas kaj propagandas nian lingvon.

∴

Aperis kelkaj novaj libroj : *Perfekta kuiristino*. Unuakta komedio *de B. Hentsch*, tradukita (el franca lingvo) de *E. Ramo*. Paris, Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre. Prezo ; 0,50 fr. 1909. Tre gaja kaj ridiga komedio, kiun ni rekomendas al ĉiuj organizantoj de Esperantaj teatraĵoj. La scenejo estas ordinara hejma kaj nur kvar aktoroj, tial oni facile povas ĝin aranĝi ĉie. La Esperanta traduko de *Perfekta kuiristino* estas ankaŭ perfekta, ĉar E. Ramo estas pseŭdonimo de tre konata, bona Esperantistino S-ino Milsom, tradukistino de ĉarmaj svisaj rakontoj, kolektitaj en unu libro sub titolo « *En Svislando* » (104 paĝa eleganta eldono de **Librairie de l'Esperanto**, Paris, 15, rue Montmartre. Prezo 3 fr.), de verko, titolita « *Dankon* » kaj de jus aperinta oficiala parolado de Profesoro de Berna Universitato *D-ro P. Gruner* « *Kredo kaj Scio* ».

Estas ankaŭ rekomendinda por prezentadoj la duakta komedio verkita de Esperantistino Joh. Flourens « *Daonsurda* » (aĉetebla ĉe la aŭtoro, 2, rue Abelard, Beziers, France. Prezo 30 cᵗˢ. aŭ 12 sd). *Oficiala Jarlibro* de U. E. A. Dua eldono (1ª serio) februaro 1909. Prezo; 0,25 Sm. — *La Parlamentisma iluzio de C.-A. Laisant*. Prezo 0,20 Sm. afrankite. de Int. Asocio « Paco-libereco » 49, rue de Bretagne, Paris.— *Garcia Moreno* de Pastro *H.-M.-H. Bartels*, (nº 1 de Universala Katolika Esperanta Biblioteko), tradukis *Jolo*. Aĉetebla ĉe Joh. Luneman v. d. Neerstraat 40. Hago (Holando). — *Tra la mondo per Esperanto* de Georgi Ciklari. Esperanta Presejo en Barcelono. Prezo 0,25 fr. =0,10 Sm. — *Propagandaj broŝuroj : angla-Is Esperanto worth learning* by *Bernard Long* (Pr. 0,04 Sm.) kaj *Hispana. — El Esperan[to] lengua auxiliar internacional.*

Ni ankaŭ ricevis gracian malgrandan [...] ton : *Ĉekbanko Esperantista*. Merton A[...] London, S. W. Ĝi estas regularo de Ĉek[...] de konata Esperantisto *H.-F. Hoveler* ([...] feĉ). Tiu ĉi banko estas bezona, utila k[aj re]komendinda afero.

D-ro J. Ostrovsk[i]

### Nekrologio.

Ni kun granda bedaŭro eksciis la m[orton] de nia fervora samideano, S-ro Abato [...] Peltier, fondinto de *Espero Katolika* kaj [...]tinto de la Esperantista movado ĉe kat[olikoj]. Antaŭ kvar jaroj, konvinkita pri la utile[co de] Esperanto por siaj samreligianoj, li fariĝ[is fer]vora Esperantisto kaj malgraŭ multaj m[...]poj, malbona farto kaj nesufiĉaj monri[medoj] ageme komencis sin okupi pri enkondu[ko de] Esperanto ĉe katolikoj. Por tiu celo li f[ondis] estis kelkafoje interrompita pro la malsa[no de] sia direktoro, sed ĉiam venkis la mal[...]terialajn malhelpojn, kiujn ĝi renkonti[s. Ni] rememoras, ke ĝi estis honorata per [...] beno, dum la Ĝeneva kongreso, kaj ke [S-ro] Peltier havis la honoron esti la unua ka[tolika] predikanto en Esperanto. ĉe la Ĝenev[a kon]greso. Abato Peltier ankaŭ iniciatis la [...] Lia lasta faro estis la antaŭparolo al s[...]vuo aperanta nun sub alia redaktado. [Ni] petu salutas la memoron de tiu sindon[a ...] raĝa kaj tolerema kunbatalinto, kiu [...] baldaŭ ĝojaj estis ĝis la lasta m[...] direktitaj al Esperanto.

*Administranto :* L. Roye[r]

*Presejo* X. Devichi.

*Le Gérant* : L. ROYER.
Imprimerie X. DEVICHI, Chalon-s-S.

# HEILANSTALT-KURACEJO

Medizinisch, Licht & Herz u. NERVEN

**Por lumkuracado – por Malsanoj de l'Koro kaj de l'nervoj**

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

51, Luisentrasse — **BERLIN NW. 6** — Telefono III, 3185

*Sekcio por lumkuracado*

(Elektra fumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiodo d'Arsonval kaj de Oudin). Kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

*Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen*



*Sekcio por majsanoj de l'koro kaj de l'neroj.*

Esploroj per radioj, de Roentgen kaj konstato de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacidokaj ŝpruchanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj vibromasaĝo k. t. p.

*La Kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim*

DU KURACISTOJ

*Prospekto laŭ deziro* — **Direkt : Dr BREIGER** — *Kuracado Ambulante*

★ ★ ONI PAROLAS ESPERANTE ★ ★

---

# Cailler

## Ĉokolado "AMA"

ĈIE AĈETEBLA

---

POR ESPERANTO — POR ESPERANTISTOJ

**Vera Vino Ĉampanja**

PETU LA ORA MARKO.

Originala produktejo de FORTIN PÈRE ET FILS en EPERNAY (France)

SENPAGAN TARIFON

---

# ESPERANTO-LIBREJO

**G. WARNIER & Cie**

PARIS — 15, Rue Montmartre, 15 — PARIS

VENDAS ĉiujn Esperantistajn Librojn, Muzikajojn, Broŝurojn, Insignojn, novajn aŭ malnovajn;

ABONIGAS al ĉiuj Esperantistojn aŭ ne esperantistoj gazetoj;

HAVIGAS al siaj klientoj ĉiujn librojn eldonitajn en ĉiuj landoj

*Oficiala tenejo de la Esperanto-Oficejoj de U. E. A.*

---

LA INTERNACIA TRINKAĴO

**VISKIO ESPERANTO**

Registered Trade Mark Nº 270,042 — Marque Déposée Nº 13,196

Registered label Nº 272,434

LA OFICIALA VISKIO DE LA TRIA KONGRESO

**Buchanan, Scott & Co**

Garthland Street

**GLASGOW** (Skotlando).

---

GALLIOT & DELPIERRE

Marfiŝsendistoj

**Boulogne-sur-Mer**

Oni korespondas Esperante

| Neta enhavo | [illegible] kvalito | SPECOJ |
|---|---|---|
| 1 kg. | 1 fr. 75 | Rouget-Dorade grise. |
| 2 kg. | 2 fr. 80 | Vive-Carrelet-Merlu- |
| 3 kg. 500 | 4 fr. 50 | che-Cabillaud-Anguil- |
| 4 kg. 500 | 5 fr. 30 | le-Maquereau-Colin etc. |

Afrankite kaj enpakite, en stacidomo

---

LA MIÉLINE GELSON

MIRINDA RIMEDO KONTRAŬ

**La falo de l' Haroj**

Ĉe ĉiuj bonaj kombistoj kaj ĉe

FERRÉ, BLOTTIÈRE & Cie,

*102, rue de Richelieu, PARIS*

---

★ **NEKTAR** ★

*Granda Likvoro tre digestiga*

V. ROUSSEAU

Distilisto

**AMIENS** (Francujo)

---

## Esperantistoj Atentu !

Se vi volas trinki *bonajn kaj naturajn* vinojn de Bordeaux je moderaj prezoj, *mendu la tarifon* kiu estas sendata senpage de la firmo,

A. COUSSAU, Begles-Bordeaux,

Rabato 5 o/o al la *samideanoj* kiuj rekomendas sin de tiu ĉi gazeto.

*Oni akceptas agentojn en ĉiuj urboj kaj landoj.* Kondiĉoj tre favoraj.

---




---




---

PROPAGANDILO

**Belegaj Kongresaj Fotografaĵoj de l'Kvara Esperantista Kongreso**

Ĉiu bildo : 0,50 ₷ afranke.

Ĉiu poŝtkarto : 0,15 ₷ afranke.

Postulu la nomaron de la tuta kolekto.

**Franz Müller**, fotografisto, 2, *Gartenstrasse Leipzig* (*Leutzsch*).

---

## Kaptinda Okazpropono ! Komercemuloj atentu !

Pro konstanta malsaneco kaj gravaj eksteraj klopodadoj, *bonega kaj fruktodona restoracio esperantista* estas nun prenebla, Bonega loksituacio, regula klientaro. *Interarangoj tre akceptablaj.* Skribu pri oferproponoj al la jena adreso : *S-ro Atanazo-Restoracio esperantisto, 80, rue Mazarine, Paris* (VIe).

TUJ PROFITU TIUN NEREVENONTAN OKAZON :

---

LIVERANTO! DE MUSTARDO KAJ AMELO AL LA REĜO

Laŭ privilegio

**J. & J. COLMAN**

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO KAJ BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON kaj CARROW WORKS, NORWICH* (Anglolando)

---

# SANATORIO

de

**D-ro K. DLUSKI**

en ZAKOPANE

(Galicio Aŭstrio)

por brustaj malsanuloj

malfermata tutan jaron